XVIª jaro. Nº 234 (2) ☆ Monata ☆ Februaro 1920

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

| | |
|---|---|
| Simpla abono . . . . . . . . . . . . . | 10.— Frankoj |
| Kun la membreco de UEA . . . . . . . | 12.50 Frankoj |
| Unu numero . . . . . . . . . . . . . | 1.— Franko |

*Svisa poŝtĉeko III. 2600. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

| | |
|---|---|
| Anonco (unu-centimetra kolonero) . . . . . | 2.— Frankoj |
| Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . | 0.50 Franko |
| Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . | 0.75 Franko |

*Rabatoj: 3 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo kaj Administrejo: Museumsstrasse 14, BERN (Svisio)



## NUNTEMPAJOJ

## LA REZULTATOJ DE LA INTERNACIA LABORKONFERENCO

**En la decembra numero de „*Esperanto*" ni raportis pri la celo kaj tasko de la internacia laborkonferenco en Washington. Ni nun prezentas al nia legantaro, laŭ raporto de ĉeestinto, resumon pri la ŝatinda laboro plenumita de la nomita konferenco, kiu, diference je multaj organizajoj nuntempaj, pli laboris ol bruis.**

Post unumonata debatado la internacia laborkonferenco antaŭ kelka tempo finis sian kunsidon. La rezultatoj de la serioza kunlaborado inter du centoj da delegitoj de registaroj, de dungantoj kaj de dungatoj, estas tiaj, ke la internacia laberorganizo povas de nun esti rigardata kiel la unua vere ekzistanta kaj vivkapabla fundamento de la Societo de Nacioj.

Malgraŭ siaj rasaj, klasaj aŭ individuaj diferencoj la partoprenintoj, apartenantaj al kvardek nacioj, havis la komunan deziron atingi praktikan rezultaton kaj ne disiĝi, antaŭ ol estos starigita, per reciprokaj cedoj, la bazo de internacia laborleĝaro. Dum debatoj, ofte tre viglaj kaj ne ĉiam facilaj pro la lingva diverseco, oni konstante atentis la necesecon krei tutmonde akcepteblan organizon, kaj oni komprenis, konforme al la interna ideo de la Societo de Nacioj, ke oni devas pensi malpli al si kaj al sia lando ol al la estonto de la tuta homaro. Okazis oferemaj gestoj, kiujn eĉ la plej optimistaj personoj ne antaŭvidis. Tiel ĉe dungantoj kiel ĉe dungatoj, estis interkonsentema tendenco, kiu helpis al la sukceso de la konferenco.

„Mi klare sentas", diris en la ferma kunveno S-ro W. B. Wilson, prezidanto de la konferenco, „ke vi prilaboris la fundamentajn ŝtonojn de la granda konstruaĵo protektonta la estontan laboristaron. Vi pacience kaj entuziasme laboris por ties starigo, kaj vi al tio dediĉis tutan vian inteligenton, tutan vian sincerecon. Mi certe esprimas viajn esperojn kaj tiujn de la tuta homaro, eldirante la deziron, ke la tempo disvolvigu tion, kion vi tiel bone komencis, kaj ke la fundamento de vi starigita estu tiu de konstruaĵo, kiu ĉiam restos kiel protektanto de la tutmonda laboristaro."

Ses konvencio-projektojn akceptis la konferenco. Laŭ la traktitaj temoj oni juĝos pri la amplekso de la laboroj komencitaj kaj elfinitaj en la daŭro de unu monato. Tiuj projektoj estos prezentataj de la Internacia Laboroficejo al la kvardek reprezentitaj nacioj por sankciado kaj enmetado en ilian leĝaron. La pacotraktato fiksas la tempolimon por la plenumo de tiu tasko. La parlamentoj do havos laboron!

La plej grava el tiuj konvencioj koncernas la ok-horan labortagon kaj la kvardekok-horan semajnon por ĉiuj industriaj dungitoj. La apliko de tiu principo havos jenajn esceptojn: 1ᵉ kiam, en semajno, la labordaŭro malsuperas ok horojn dum unu tago aŭ pli, la ok-hora limo povos esti superata dum la aliaj tagoj, sed ne pli ol ĝis naŭ horoj, kondiĉe ke tion permesu la koncerna aŭtoritato aŭ akordiĝo inter dungantoj kaj dungatoj; 2ᵉ kiam la laboro efektiviĝas per vicaj serioj de laboristoj, la ok-hora tago kaj la kvardekok-hora semajno povos esti superataj, kondiĉe ke, kalkulate inter tri semajnoj, la meznombro de la laborhoroj ne superu ok tage kaj kvardek-ok semajne; 3ᵉ esceptoj povas esti allasataj por laboroj intermitaj aŭ nepre nefareblaj en ordinaraj limoj. Laŭ art. 405 de la pacotraktato oni ankaŭ permesas esceptojn por landoj, kies industriaj kondiĉoj estas nenormalaj pro klimataj kaŭzoj, pro nesufiĉa kresko de la industriaj organizaĵoj aŭ aliaj specialaj cirkonstancoj. Tiaj estas Japanio, Hindio, Grekio kaj Rumanio. Oni devas tamen noti, ke la Japana laborista delegito protestis kontraŭ la netuja apliko de la ok-hora labortago en sia lando.

La dua konvencio-projekto malpermesas dungi en industrio infanojn antaŭ la dekkvara jaro kaj devigas la dungantojn havi registron pri ĉiuj personoj malpli ol deksesjaraj ĉe ili laborokupitaj. Kelkaj esceptoj por Japanio kaj Hindio.

La tria projekto koncernas senlaborecon. Ĉiu ŝtato sendos, almenaŭ trimonate, al la Internacia Laboroficejo ĉiujn informojn pri enlanda senlaboreco kaj la rimedoj de ĝi uzataj por ĝin kontraŭbatali. Ĉiu ŝtato starigos sistemon de senpagaj dungejoj kontrolotaj de centra organo kun helpo de komitato el dungantoj kaj dungatoj; ĝi kunordigos tiun aranĝon kun la ekzistantaj privataj dungejoj kaj, per la

Internacia Laboroficejo, kun la alinaciaj aranĝoj. La ŝtatoj, kiuj havas asekuron pri senlaboreco, post akordiĝo kun aliaj ŝtatoj, partoprenigos la fremdajn laboristojn en la profitoj de tiu asekuro.

Laŭ la kvara projekto, estas malpermesate nokte laborigi virinojn, al kiuj ripozo de dek-unu sinsekvaj horoj devas esti allasata, nepre enkalkulante la tempon inter la deka vespere kaj la kvina matene. Estas kelkaj esceptoj por difinitaj procedoj, en kiuj nokta laboro estas necesega por eviti perdojn.

En la kvina projekto estas fiksite, ke junuloj malpli ol dekok-jaraj ne povos esti okupataj inter la deka vespere kaj la kvina matene, krom en industrioj kun seninterrompa irado, kiel ŝtal-, vitro-, paperfabrikoj, k. a. Por Japanio kaj Hindio estas kelkaj esceptoj.

Laŭ la sesa projekto neniu virino, ĉu en industrio, ĉu en komerco, estos permesata labori dum ses semajnoj post akuŝo, kaj ĉiu rajtos forlasi sian laboron, prezentinte kuracistan ateston, ke la akuŝo kredeble okazos post ses semajnoj. En ambaŭ okazoj, la virino ne povos esti forpermesata, kaj ŝi ricevos monhelpon sufiĉan por la vivbezonoj de ŝi kaj de infano ŝia. Tiun monhelpon pagos ĉu la ŝtato, ĉu asekuro. Laboristino, kiu mamnutras sian infanon, povos por tio disponi je du duonhoroj dum labortempo.

Mi citis nur la ĉefpunktojn de tiuj konvencio-projektoj, kiuj, se ni juĝas laŭ la fina voĉdonado ĉe la konferenco, estos unuanime akceptataj de la ŝtatoj. Por multaj landoj ili signifas gravan antaŭenpaŝon rilate la plibonigon de la laboristaj vivkondiĉoj, kaj ŝajnas, ke la apliko ne prezentos gravan malfacilajon, ĉar la konferenco ĉiam atentis, ke el tro radikalaj novajoj neeviteble rezultus malakcepto de konvencioj ĉe kelkaj ŝtatoj.

La konferenco faris krom tio rekomendojn, kiuj ankaŭ estas aprobotaj de la koncernaj ŝtatoj, nome:

1e Aliĝi al la internacia Berna konvencio (1906) pri malpermeso uzi blankan fosforon por fabrikado de alumetoj.

2e Akcepti, ke per reciproka aranĝo la fremdaj laboristoj kaj iliaj familioj profitu je la protekta laborleĝaro kaj havu la rajton asociiĝi samkondiĉe kiel enlandanoj.

3e Organizi ne sole efikan inspektadon de la fabrikejoj, sed ankaŭ ŝtatan oficejon pri laborista saneco, rilatantan kun la Internacia Laboroficejo.

4e Zorgi pri desinfektado de lanoj enhavantaj karbunklajn sporojn, ĉu ĉe la eksportlando, ĉu ĉe la importhaveno.

5e Forigi la virinojn kaj junulojn malpli ol dekok-jarajn el plumbaj industrioj, kaj nur sub severaj kondiĉoj ilin akcepti por industrioj uzantaj plumbokomponajojn.

6e Malpermesi kiel eble plej baldaŭ pagajn dungejojn kaj, kie ili ekzistas, submeti ilin al permeso registara.

7e Permesi dungadon de fremdaj laboristoj nur post akordiĝo kun la koncernaj landoj kaj post konsulto de la enlandaj dungantoj kaj dungatoj.

8e Starigi efikan sistemon de asekuro pri senlaboreco.

9e Kunordigi ĉiujn publiklaborojn, tiel ke ilia efektivigo okazu dum senlabora periodo.

La internacia labororganizo estas definitive fiksita dum la konferenco. La administra konsilantaro, kiun ĝi elektis, konsistas el 24 membroj, nome 12 ŝtatreprezentantoj, 6 dungantoj, 6 dungatoj. Tuj kiam estos finitaj la laboroj de la nuna sekretariejo, la nova Internacia Laboroficejo ekpreparos la konferencon de 1920, kiu okazos en Ĝenevo, sidloko de la Societo de Nacioj.

Tiel estas firme starigita bela organizajo, kiu, kvankam ne ankoraŭ sufiĉe atentata kaj ŝatata, povos multe helpi al la ĉiulanda plibonigo de la laboristaro per regula progresado kaj ankaŭ al la ĝenerala paco per sia bonfara efiko. ***

---

#  SOCIA VIVO 

## Armenio

Ni komencas novan serion da artikoloj, priskribante nun la popolojn de l' mistera Azio. Por la materialo ni turnis nin al la Brita, Ĉina, Japana, Persa kaj aliaj legacioj, societoj kaj bibliotekoj en Svisio, pro kies afabla kaj favora rilato al nia ideo kaj entrepreno ni esprimas ĉi tie nian dankon.

Post la terura homara kataklismo, el la ruinoj de malnovaj imperioj, detruitaj per ekstera venko aŭ per interna puŝo de naciecoj, naskiĝas novaj ŝtatoj en Eŭropo kaj Azio.

Inter la popoloj, kiuj formas la proksiman Azian Orienton, unua loko apartenas al la Armenoj. Malmultaj nacioj suferis tiel, kiel la Armena. La kruelajoj, kies viktimo ĝi estis, estis tiel teruraj kaj kontinuaj, ke la nomo Armenio fariĝis kvazaŭ sinonimo de martiro. Sed pli ol tio, estas apenaŭ konata la popolo kaj ĝia historio kaj kulturo.

* * *

Armenio estas regiono de okcidenta Azio. Limigata norde per Georgio, oriente per Kaspia Maro, sude per la supera valo de Tigro, okcidente per la valo de l' okcidenta Eŭfrato aŭ Kara-Su, ĝi antaŭ la milito estis posedata de Rusio, Turkio kaj Persio. La Armena nacio estas starigita delonge. Ĝi okupas la valojn kaj la altebenajojn de granda monta lando, kiu etendiĝas inter Mesopotamio kaj la valoj sude de Kaŭkazo.

Armenio formas naturan ligilon inter la altaj platajoj de Malgrand-Azio kaj de Irano. Ĝia meza alteco ne malsuperas 1500 m. Ĝia surfaco, plej ofte de vulkana deveno, estas malregula; estas nur ĉenoj sin interrompantaj, masivoj kaj platajoj: Ararato atingas 5172 m, Saŭlano 4752 m, Alagoeuzo 4095 m. En la malaltiĝoj estas grandaj lagoj: Van, Jokĉaj aŭ Sevang, Urmia. La valoj estas trairataj de riveretoj, nutrantoj de la pli grandaj Ĉoruk, Kura, Tigro, la du branĉoj de Eŭfrato: Kara-Su kaj Murad-Ĉaj. La klimato estas severa, kaŭze de la alteco kaj de la landsituacio. Dank' al la sama kaŭzo, Armenio ricevas abundajn pluvojn.

La regionoj, kiuj laŭ la Armenoj devus formi sendependan ŝtaton, estas: 1e La sep vilajetoj de Van, Bitlis, Diarbekir, Kharput, Sivas, Erzerum kaj Trebizond; 2e La kvar sandjakoj Siliciaj, t. e. Maraŝ, Khozan (Sis), Djebel-Bereket kaj Adana kun Alexandrette; 3e La teritorio de la Kaŭkaza Armena Respubliko ampleksanta la tutan provincon de Erivan, la sudan parton de l' malnova Tiflisa gubernio, la sud-okcidentan parton de l' Elisabetopola gubernio, la Karsan provincon, escepte la regionon norde de Ardahan.

Oni povas taksi, antaŭ la milito, je 4½ milionoj la nombron de l'Armenoj disjetitaj sur la terglobo, el kiuj ĉirkaŭ 2,700,000 loĝis en la patrolando mem, 1,100,000 en Rusio, 200,000 en Persio, kaj la resto en Ameriko, Egiptio, Polio, Rumanio, Bulgario, k. a.

La loĝantaro en Armenio konsistas el Armenoj, Kurdoj, Turkoj, Araboj, Ĥaldeanoj, Ĉerkesoj, Nestorianoj, k. a.

La nombro de l' Turkoj en Armenio estis 1,005,000, tiu de l' Tataroj 537,000, de l' Kurdoj kaj Turkmanoj 555,000. La nombro de l' Kristanaj popoloj formis 55 %.

El la loĝantaroj la plej grava, post la Armenoj, estas la Kurdoj, plejmulte montanoj tre malprogresemaj. Ili parolas multajn dialektojn parencajn al la Armena, primitivajn kaj tre malriĉajn; ili uzas la Araban alfabeton, kiam ili volas skribi, kio okazas tre malofte, ĉar preskaŭ ĉiuj estas tute nelegosciaj, dum la Armenoj estas popolo konscia pri sia ekzisto, unueco, glora pri sia pasinteco kaj decidema organizi sian estontecon.

* * *

La tuta historio de Armenio estas senĉesa lukto, obstina kaj malegala, por defendi ĝian individuecon, kulturon kaj religion kontraŭ rasoj kaj malamikoj potencaj, kiuj atakis ĝin de ĉiuj flankoj.

La Armena nacio apartenas al la Hindo-Eŭropa familio kaj havas tre antikvan ekziston. La heroaj poetoj en siaj naivaj kantoj ĝin komencigas de l' jaro 2035 a. Kr. Antaŭ la apero de l'Armenoj en la „Armenia" de l' klasikaj historiistoj, tiu ĉi lando estis loĝata de aliaj popoloj; la kojnoformaj surskribaĵoj de l'Asirianoj ĝin nomas *Urartu* — la lando kaj regno „Ararat" en la Biblio.

Dum jarcentoj, la ĉefa restadejo de l' kunfederita imperio estis la urbo Van, nomata en la lokaj surskribaĵoj Tuŝpa, kaj la imperio Biajna, t. e. „Van". Post multaj jarcentoj da ekzisto, tiu ĉi imperio malaperis en la VIIa jarcento a. Kr., cedanta la lokon al la Kimerianoj kaj al la Skitoj, al kiuj postvenis la Armenoj, venantaj el Frigio. Ili establiĝis, de la VIa ĝis la IVa jc. a. Kr., en la regionon de Tigro kaj Eŭfrato, kie ili renkontis Semidajn tribojn. La Armenoj nomas sin en sia lingvo *Haik* (ununombre *Hai*) kaj sian landon *Haiasdan*. La vorto *Armenio*, kiu venas de la Hebrea *Aram*, ne altrudiĝis en la nacia geografio, pro la superpotenco de l' Aria super la Semida elemento.

La Armena historio komenciĝas do per la legendo de *Haik* la Patriarko, la patro de l'Armena raso, kiu estis la unua inter la tribĉefoj submetitaj al la jugo de Bal; Haik ribelis kontraŭ la Babilona tirano kaj, mortiginte lin en batalo, fondis la Armenan patrolandon.

Oni ne scias ĝuste, kiuj estis la limoj de Armenio inter la VIIa kaj VIa jc. a. Kr., sed la nomo *Armina* aperas en multaj tekstoj kaj dokumentoj. La kojnoformaj surskribaĵoj de Darius Ia (521—485 a. Kr.) pruvas, ke Armenio formis jam en 520 a. Kr. fortan sendependan ŝtaton. Post la konkero de ilia lando per la armeo de Darius, la Armenoj tributiĝis al la Ahemenidoj, kaj Armenio formis la 13an ŝatrapion de l' Persa imperio. Ĉirkaŭ 400 a. Kr., Armenio estis dividita en du satrapioj: orienta kaj okcidenta. Tiu ĉi stato daŭris ĝis la konkero de Armenio per Antiohus IIIa, nomita la Granda, reĝo de la Seleŭcidoj (222—186), kiu ĝin dividis inter siaj du generaloj: Artaksias kaj Zariadres.

Ne estas same pri la dinastio de la Arŝagunikoj (aŭ Arsacidoj de Armenio), fondita de Vagharŝag aŭ Valarsace, frato de l' Partha reĝo Arsaco la Granda (IIa jc. a. Kr.). Al ĝi apartenas Tigrano la Granda, reĝo de Armenio (94—54 a. Kr.), kiu en 93 metis finon al tiu duobla regno kaj unuigis ĉiujn Armenajn teritoriojn. Tigrano regis kiel absoluta estro de Kaŭkazo ĝis Mesopotamio, de la Kaspia ĝis la Mediteranea Maroj, super Silicio, Sirio kaj Fenicio. Post la detruo de la urbo Tigrano per Lucullus, en 69 a. Kr., granda parto de Armenio falis sub la Romanojn.

Armenio estis poste aneksita al Romo. Dum pli ol tri jarcentoj, ĝi estis disputata inter Romo kaj Persio. Al la sama dinastio apartenas ankaŭ Abgar, kiu faris el Edesse sian ĉefurbon kaj sub kiu la Kristanismo estis predikata en Armenio, kaj Tridato († 314), samtempulo kaj amiko de Gregorio la Iluminanto. Tiu ĉi sanktulo alportis la Kristanismon (de li devenas la nomo Gregorianoj) kaj de tiu ĉi epoko la Armena eklezio ne ĉesis esti sendependa, kiel de la Orientaj, Grekaj kaj Slavaj eklezioj, tiel ankaŭ de l' Roma. Sub tiu dinastio, Armenio atingas certan gradon de potenco kaj formas ŝtaton dotitan de sufiĉe grandvalora konstitucio. La teritorio estis, administre, dividita en dekkvin provincoj, subdividitaj en kantonoj.

Sub imperiestro Teodoso la Granda (379—395 p. Kr.), Malgrand-Armenio estis dividita en du, sub imperiestro Justiniano (527—565) en kvar partoj. Grand-Armenio estis dividita inter la Romanoj kaj Persoj en 387 p. Kr. En 591, Armenio estas ankoraŭ foje dividita inter la Romanoj, Bizancanoj kaj Persoj.

En 428 estingiĝas la Arŝagunikoj. Armenio, kies posedon ne ĉesis disputi inter si la Bizancanoj kaj la Persoj, pasas grandparte sub la potencon de tiuj ĉi, kiuj ekprovas sufoki la Kristanismon profite de l' Mazdeismo. Tiu ĉi furioza religia milito daŭras tiel longe, ke Armenio falas senreziste sub la Araban jugon (VIIa jc.). La Araboj renversas la Sassanidan dinastion, etendas sian potencon en tuta Azio, kaj malfermas siavice novan paĝon en la Armena martirologio. Sed ankoraŭ foje, la invadinto sukcesis disŝiri nur la karnon, ne atinginte la animon; kontraŭe, la Armena rezisto ĉiam plifortiĝis.

En la VIIIa jc. nobelo de la familio Pakradunik profitas la embarasojn de l' Ommejadoj por nomi sin „patrico de Armenio", kaj en la sekvanta jarcento alia princo de l' sama familio, Aŝod, fondis kun la konsento de l' Kalifoj novan dinastion, tiun de Bagratidoj, kiu regis de 885 ĝis 1079, farinte el la ĉefurbo Ani belegan fokuson de okcidenta kulturo, Azia fratino de Bizanco.

La Seldjukidoj alvenas en la XIa jc., forpelas la Arabojn, sin jetas sur Armenion, renversas la regnon Bagratidan kaj dronigas la tutan landon en maron de sango. Kiam Ani falis kaj kun ĝi la nacia sendependeco, Armenaj loĝantaroj, forkurante de l' invado, rifuĝis en la interkrutejoj de Taurus, kaj de tie en Silicio.

En la fino de l' XIa jc., tiuj elmigrintoj stariĝas sub la konduko de princo Rupen, okupas unue la montregionojn de la lando, poste etendas sian superregadon ĝis la maro, fondante Malgrand-Armenion, kiu estis transformita en vasalan regnon de Henriko IVa kaj papo Celestino IIIa en 1198, rekompence de l' helpo donita al la krucomilitantoj. Tri dinastioj sinsekve regis tiun landon, kiu estis kvazaŭ plilongiĝo de Eŭropo en Oriento, pro la Greko-latina influo. Malgrand-Armenio ricevis organizon analogan al tiu de l' ŝtatoj fonditaj de la krucomilitantoj en Sirio. Dank' al sia geografia situacio kaj al siaj havenoj, tiu ĉi regno, kiu estis detruita en la XIVa jc. de la Egiptaj Mamelukoj, havis dum certa tempo grandan komercan prosperecon. La lasta reĝo de Malgrand-Armenio, Leono VIa, mortis en Francio, pensiita de Karlo VIa, kaj estis enterigita en Saint-Denis (1393). Liajn rajtojn heredis la Lusignanoj de insulo Ĉipro.

Koncerne Grand-Armenion, ĝi estis dezertigita de la Seldjukidoj, poste de la Mongoloj kaj fine de la Otomanoj.

Post nelonge la Turkoj ekposedas Konstantinoplon kaj la malfeliĉoj de l' Armenoj komenciĝas depost la fatala jaro 1453. La lando, dum la XVa, XVIa, XVIIa, XVIIIa jc., estas nur vasta batalkampo. Malgraŭ libera ekzercado de ilia kulto kaj religia organizaĵo sufiĉe liberala, kiu ankoraŭ ekzistas, la sufero estas superplena. Turkoj, Persoj, poste Rusoj akre pridisputas inter si la regionojn inter la Kaŭkazaj montoj kaj Eŭfrato.

En la komenco de l' XVIIIa jc., la Armenoj de Gharabagh, konservintaj kvazaŭ-aŭtonoman feŭdalan reĝimon en sia montolando, alpetas denove Eŭropon. Post vico da sangaj bataloj, gvidataj de David-Bek, la malgranda lando estis liberigita. La ĝojo tamen ne estis longedaŭra, ĉar post la morto de David, la lando estis konkerita de l' Turkoj, kaj pli malfrue reokupita de l' Persoj.

Kiel la plimulto de l' orientaj nekatolikaj Kristanoj, ili turnis unue siajn esperojn al la granda Kristana norda imperio kaj al la Caro Liberiganto. Jam sub la regado de Petro la Granda, Armenaj delegitaroj iris por elmontri la plendadojn de l' nacio. Sub la Rusa imperiestro Paŭlo Ia kaj precipe sub Katerino IIa komenciĝis la Ruso-Persaj kaj Ruso-Turkaj militoj, en kiuj partoprenis ankaŭ la Armenoj, gvidataj de l' eklezestro Nerses de Aŝtark (1827). Katerino IIa, poste Nikolao Ia, promesis al la patriarko sendependan Armenion...

Kun la fino de l' XIX[a] jc. kaj la komenco de l' XX[a] renaskiĝas plurfoje la espero en la koro de l'Armenoj. Enkorpiginte Georgion en 1802, Rusio komencis de tiam etendiĝi al Armenio; la Adrianopla traktato (1828), la milito de 1853—55, tiu de 1877 favoris ĝian ambicion, kaj la malnova Armena ŝtato troviĝis baldaŭ dividita inter Turkio, Rusio kaj Persio.

La 17 marto 1863, la Pordego konfirmis la konstitucion, verko de l' Francigitaj Armenoj Balian, Odian, Russinian, Agatun k. a., kaj tio ĉi estis komenco de nova politiko, kiu sekvis dum baldaŭ dudek jaroj, kun interrompoj kaj kapricoj kiel ĉio en Turkio . . . La belaj promesoj neniam estis plenumitaj.

En 1878, kiam estis subskribita la Berlina traktato, la Armenoj travivis tagojn de espero. La artikolo 61 de l' traktato devigis la Turkan registaron reformi, en mallonga templimo, la statuton de Armenio. Sed la sultano ne tenis sian promeson kaj neniam Eŭropo, kiu tremis pri la netuŝebleco de Turkio, faris ian kontrolon pri tio.

La Armenoj estis plej malbone traktataj. Abdul-Hamid, juste alnomita la Ruĝa Sultano, restos fama pro la teruraj buĉadoj, kiujn li ordonis. De 1894 ĝis 1896 pereas sennombraj viktimoj; en 1903 la buĉado rekomenciĝas.

Ĉar ili protestis kontraŭ la netolerebla servuteco, en kiu precipe la Turka registaro ilin tenis, ĉar ili postulis la aplikon de l' art. 61 de l' Berlina traktato, ĉar fine ili defendis siajn neforpreneblajn rajtojn rekonitajn de l' ses Eŭropaj Potencoj samkiel de l' Turka registaro, la Armenoj estis fordonataj al fajro kaj fero laŭ ordono de l' Sultano mem.

Estis epoko, kiam Nikolao II[a] kaj Abdul-Hamid konkuris pri bruteco en la Armenaj regionoj submetitaj al ilia aŭtoritato. Armenio estis senĉesa teatro de armitaj konfliktoj kaj de buĉadoj de 1895 kaj de 1896, kiuj ensangigis eĉ Konstantinoplon, kaj elvokis en Eŭropo opinio-movadon favoran al la Armena afero.

En 1908 post la multpromesanta jun-turka revolucio, Armenio momente sin kredis savata. Ĝia elreviĝo estis kruela: la jun-turkoj provis „turkigi“ ĉiujn rasojn de l' imperio, persekutante tiujn, kiuj volis konservi sian propran karakteron; depost 1909 ili buĉigis la Armenojn en Adana. Kaj en 1915, sub la regado de Enver-Paŝa, estis science organizita la detruo de l'Armena nacio, per punekzilo en la Siriaj kaj Mesopotamiaj dezertoj, per malsatigo, lacigo, dronigo, infektoj, k. t. p.

Tiu ĉi popolo, kiu dum jarcentoj luktis kaj suferis por defendi la okcidentan civilizon en Oriento, vidis sin, ĉe l' antaŭtago de l' grandaj buĉadoj, tute forgesita, nesufiĉe ŝatita de Eŭropo. Kvazaŭ ne sufiĉis, ke per la divido sub triobla jugo ĝi estis fariĝinta Polio de Malgrand-Azio! Kvankam senigitaj je sia politika sendependeco, kvankam suferintaj de tiom da turmentoj, persekutoj kaj buĉadoj, la Armenoj ne estas absorbitaj de siaj konkerantoj. Ĉar ili havis kaj konservis siajn kutimojn, lingvon, literaturon, eklezion, ĉar ili restis fidelaj al siaj rasaj tradicioj kaj al sia idealo, ĉar la Armena nacio volis vivi kaj malgraŭ la subpremo ĝi transvivis.

*(Daŭrigota.)* *Iv. H. Krestanov.*

---

# Por malsato-mortantaj infanoj de Centra Eŭropo

Angiaj samideanoj petas nin presigi la jenan alvokon, kiun ni varme rekomendas al niaj legantoj.

„Centra Eŭropo nun kontraŭstaras katastrofon, kiu estos verŝajne eĉ pli grave danĝera ol estis la pesto (nigra morto) aŭ la Tridekjara Milito, antaŭ nelonge skribis en ‚*The Times*‘ dekdu el la eminentaj kleruloj de la Cambridge-universitato.“

Kiel vera estas ĉi tiu terura priskribo oni povas imagi al si per la vortoj de Sir William Goode, direktoro de la Brita Helpmisio en Vieno. La 5 decembro 1919, li parolis jene: „Mi mem jus revenis el Vieno. Ŝajnas kvazaŭ mi pasigis dek tagojn en karcero de mortkondamnito, ne plu esperanta prokraston de ekzekuto. Mi loĝis en plej bona hotelo, sed tie mi vidis nek lakton, nek ovojn dum la tuta tempo. En la treege malvarma vestiblo de l' hotelo — iam la plej gaja rendevuo en Eŭropo — la gastoj kune kolektiĝis ĉe la mallumeto de unu lumilo, kie antaŭe estis kvardeko. Tiuj ĉi gastoj pli similis la fantomojn de la Tamiza Digo ol reprezentantojn de la riĉularo. La mondfama Operejo tute pleniĝas ĉiun posttagmezon. Kial? Homoj iras tien por sin gardi varmaj kaj ĉar ili nenian laboron havas. Mi neniam antaŭe realigis por mi tion, kio estas la merito fiziologia de homa konglomeriĝo. En ĉambro, kiun mi luis kiel oficejon, havanta unu malgrandan fajrujon — senbrulajan — mi ofte eksperimente laboris en surtuto, kaj haviginte lankovrilojn por la oficistoj, kiam la ena termometro registris nur unu gradon super nulo. Fine mi decidis havigi sufiĉan lignon por bruligi fajron du tagojn. Tio kostis al mi 970 kronojn, kiu, por Vienanoj, egalvaloras ĉirkaŭ 30—40 funtoj sterlingaj. Ĉu vi miras, ke eĉ la riĉuloj en Vieno bruligas sian meblaron por hejti la fornojn? Ĉu vi do povas imagi al vi kiamaniere vivadas — aŭ penas vivadi — la malriĉuloj? Oni ne malofte vidas la stratirilaron en unu el la ĉefaj stratoj haltigata per ĉerkveturiloj. El tiuj ĉi, naŭ dekonoj portas la korpojn de infanoj. Eminenta Britarmea oficiro, kiu restadis en Vieno dum iom da tempo, diris al mi, „Pro Dio, iru hejmen kaj informu ilin al kio tio ĉi similas!“

La situacio en Vieno ne nur pligraviĝas pro la malgranda kvanto da provizaĵoj, sed ankaŭ pro ĝia necerteco. Urbo havanta du kaj kvaronan milionojn da enloĝantoj malofte certiĝas pri sia provizaĵo por pli ol kelkaj tagoj antaŭe. Aĉetajojn oni faras grandmezure kredite; kaj eĉ kiam la interkonsentoj estas faritaj, transporta malfacilaĵo aŭ najbaraj ŝtatoj haltigas la provizaĵojn. La ‚*Neue Freie Presse*‘ (20 novembro) sciigis la malsatantajn Vienanojn, ke „el la atendataj liveraĵoj de 180,000 tunoj da hejme kreskinta greno, nur 54,827 tunoj ĝis nun alvenis — ĝuste 30 %. Je la sama tempo en la lasta jaro pli ol duoblo estis ricevita.“

Kun duonmalsatado venas teruraj efikoj de malsano evidentigitaj per rakito kaj tuberkulozo inter la infanoj.

Brita kuracisto raportis en junio, ke en Venio „almenaŭ 95 % da kompare sanaj infanoj estis terure malgrasiĝintaj. Ostomoligio fariĝis epidemia. Praktike ĉiu infano estas rakita. Preskaŭ ĉiu el la infanloĝantaro de Vieno estas kreskhaltigita, malsata, sen vivemeco, fortikeco aŭ energio.“

Eĉ ĉe la Bonstata Centro de D-ro Weiss, kien la plej prudentaj patrinoj sendas siajn infanojn, D-ro Clark trovis, „ke 60 % da iliaj infanoj estas grave rakitaj, kaj preskaŭ neniu tute senrakita estas.“ Ne mirinde estas, ke ĉiuj hospitaloj estas troplenigataj je rakituloj; nek mirinde ankaŭ estas, ke la proporcio de tuberkulozuloj pligrandiĝas.

„La estonteco por tiuj ĉi infanoj estas aŭ morti dum vintro pro ia negrava infana malsaneto, aŭ fariĝi viktimoj de kronika tuberkulozo, aŭ elgrandiĝi kripligitaj kaj mis-

formitaj. La tuta vasteco de la malfeliĉego, kiu okazis por la Vienaj infanoj, ne estas komprenata de multaj, eĉ de vizitantoj. Oni povas ja vidi tuberkulozulojn kaj rakitulojn en iu ajn hospitalo alilanda; sed estas elmontrinde, ke ekzemploj de malfrua rakito — je tri-jaraj infanoj — estis ĝis nun preskaŭ nekonataj.

„La infanojn de unu ĝis kvin jaroj oni ne vidas sur la stratoj, ĉar ili ne povas piediri; kaj se vi ne senvestigas ilin kaj demandas pri ilia aĝo, vi ne komprenus, kio okazis. Tamen, multaj el tiuj ĉi infanoj estas resanigeblaj, kaj tre rapide, se oni povas havigi al ili freŝan lakton; kaj eĉ grave malsanaj estas ofte resanigataj per moruoleo.

La disdonado de lakto kaj grasajoj inter ĉi tiu klaso de infanoj havus, laŭ mia opinio, malproksimatingantan efikon sur la estonteco de la raso. Sed la kvanto da lakto tie ĉi ricevebla estas tiel malgrava, ke kelkafoje oni neniom povas liveri eĉ al la februlejoj de hospitaloj, nek al malsanaj infanoj; kaj estas nenia anstataŭajo havigebla."

Pro la malmulto da karbo, la hospitaloj estas nesufiĉe hejtataj, kaj oni povas malfermi la lernejojn nur por mallonga tempo ĉiusemajne. La infanoj estas tro malfortaj por ludi sur la stratoj; tial la teruroj de la situacio estas ofte forkaŝitaj je la nur supraja observanto. Sed, malgraŭ tio, la kadavra procesio al la tombejo okazas preskaŭ ĉiutage, ne malofte baranta la vojon por la veturilaro, laŭ Sir William Goode.

La Kaso por Infansavado *(Save-the-Children Fund)*, kies prezidanto estas Lord Weardale (7, St. James's Terrace, Regent's Park, London N. W. 8), jam kolektis kaj disdonadis multajn milojn da funtoj sterlingaj por la plibonigo de tiuj ĉi malsato-mortantaj infanoj de Eŭropo; kaj ĝi alvokas malavarajn monoferojn de la tuta Esperantistaro, por ke tiu ĉi humanaj klopodoj estu daŭrigataj kaj pligrandigataj.

Monoferojn de la legantoj de ‚*Esperanto*' oni ricevanoncos en ĝiaj paĝoj. Oni petas, ke ĉiu dononto skribu „Esperantisto" post sia nomo. Donante tuj, oni donas dufoje.

---

# La spirito de la lernantoj

Ni imagu konvinkan, klaran, elokventan, genian profesoron, kiu antaŭ siaj atentaj lernantoj traktas demandon pri historio, fiziko aŭ literaturo. En la lernoĉambro, tre laca lernanto dormas. Por tiu dormanto, nenian efikon havas la admirinda leciono. Eldirante tiun evidentegan veron, mi nur volas substreki, ke la paroloj de bonega instruanto estas senutilaj, se la spirito de la lernanto ne estas preta ilin akcepti.

Oni eble respondos, ke mi prijuĝis kazon tute esceptan, sekve seninteresan. Ni do pliproksimiĝu al la vero Ni veku la dormanton, rekomendu al li aŭskulti, kaj ankaŭ malpligrandigu la geniecon de la profesoro.

Nun la lernanto ne plu dormas. Liaj oreloj aŭdas la bruon de la saĝaj profesoraj paroloj. Ĉu li eltiras realan profiton el la leciono? Ne, ĉar li duonrevas, pensas pri alio. Demando ĵus al li farita tion nedubeble pruvas. Ĉi-foje mi prijuĝis kazon neniel esceptan. Sennombraj estas la lecionoj, en kiuj ĉeestas infanoj, kies spirito vagas. Malpravaj ili estas, konsentite; sian devon ili ne faras. La plej malĝoje estas, ke la plej diligentaj lernantoj same pekas unu aŭ du fojojn tage.

Al tio mi deziras atentigi, nome: la lernantoj tro ofte estas instruataj en maniero, kiu lasas ilin indiferentaj. Pri tio ne sufiĉe okupiĝas la instruistaro.

Kiam de tempo al tempo oni reorganizas la publikajn lernejojn, oni zorge pridiskutas la liston de la studtakoj, oni fiksas la hornombron semajne dediĉotan al ĉiu el ili, sed la ĉefan problemon oni malzorgas. Pro neatento, pro inerteco la lernantoj facile rezistas al la agado de la profesoro, sen lia scio. Ĉefa afero estas do submeti ilin al reĝimo, kiu igos ilin atentemaj. La pedagogo senĉese devus demandi al si, kio okazas en la kapo de liaj lernantoj, kaj zorgi pri iliaj intereskapabloj.

Demandu al infano, kiu ĉeestis je ses aŭ sep lecionoj en la tago: „Kion interesan vi hodiaŭ lernis?" Vi verŝajne ne sukcesos aŭdi de li precizan respondon. La lernanto hezitos. Ŝajnas, ke nenio lin profunde impresis. El liaj profesoroj neniu diris al li ion mirigan aŭ kortuŝan. Ofte li eĉ ne povus indiki la temon de ĉiu aŭdita leciono, ĉar por li leciono estas nur la sekvo de antaŭa leciono, nenio pli. La unutoneco de la laboro, kiun oni trudas al la lernantoj, estas unu el la kaŭzoj de ilia indiferenteco. Aliparte, la intereson, kiun prezentas por ili nova temo, multe malpligrandigas la fakto, ke ili vidas en ĝi novan taskon lernotan kaj eble la riskon de malbona noto. Ili ne konas la senzorgecon kaj liberecon de l'spirito. Oni pli celas igi ilin obeemaj ol veki ilian sciemon.

Ni ankaŭ ne forgesu, ke tro multaj lecionoj ne povas esti ĉiuj interesaj. Libera homo energie protestus, se oni volus lin devigi aŭskulti en la sama tago kvin aŭ ses elokventajn paroladojn trikvaron-horajn. Lernanto, kiu enuas dum leciono, kutime ne estas nepliboniĝebla mallaboremulo: estas infano, kiu preferus fari alion. Tiu ĉi preferas fizikon al latino; tiu volus dediĉi pli da tempo al desegno kaj malpli al matematiko.

Fine, ĉiuj instrumetodoj pliboniĝos, kiam oni rigardos la lernanton kiel komencanton, ne kiel malkleruIon. Tio estas distingo, kiun multaj pedagogoj malatentas. La lernanto kaj la instruanto ne vidas la sciencon je la sama flanko. Se la instruanto konigas definitivajn, science klasigitajn rezultatojn, se li formulas leĝojn, se li virtuoze solvas la problemojn, se li parolas per la lingvo de la specialisto, li ne allogas, li ne vigligas la spiriton. Por la infano ĉiuj demandoj estas novaj. Nu, antaŭ nova problemo, ĉiu normala homo serĉas, hezitas, komparas, eksperimentas, kontrolas, konstatas sian eraron, rekomencas. Tia estas la homa metodo, kiun uzis la geniaj elpensintoj kaj kiun povus uzi la lernantoj. Por inteligenta infano, la vera scienculo estas pli aĝa frato, sed la pedanto estas nekomprenebla fremdulo. Por li, la transdonebla fervoro de la serĉanto pli valoras ol la senerarai paroloj de la scienculo.

La sciencemo konsistas el fervora scivolo, el metodo kaj el intelekta honesteco. Se oni volas ĝin kreskigi ĉe la infano, oni devas doni al li la rajton malllerte procedi, erari kaj longatempe nescii la klarigojn de la lernolibroj. Por fari siajn eltrovajojn, la grandaj fizikistoj ne disponis je tiuj perfektigitaj, multekostaj kaj imponaj aparatoj, kiujn oni vidas trans la vitroj de la lernejaj laboratorioj. Tro ofte la scivolo de la lernantoj restas malvigla. Tro ofte ili ludas la rolon de paciencaj aŭdantoj, kiujn la profesoroj bezonas por fari siajn kursojn kaj transdonas ĉiuhore al alia kolego.

Bela lernejo estus tiu, kie ĉiutage dum kelkaj minutoj la infano admirus aŭ simple mirus pri tio, kion oni montras al li. Ekzistas aĝo, kiam oni facile miras. Lerte ekscitl la miron ĉe la lernanto kaj atendi liajn demandojn, tia devus esti unu el la ĉefaj taskoj de la instruanto.

La naŭ dekonoj de la scienco, kiun oni penas inokuli al la lernantoj, havos efektive por ili nenian utilecon. Sen persona malprofito ili post la ekzamenoj povas forgesi ĉion. Sed tiun nedaŭran sciencon ili ne estos vane ekkernintaj, se ĝi ekscitis ilian entuziasmon kaj ĝojon, se ĝi naskis en

ili utilajn emojn. La lernejo havus je siaj lernantoj bonfaran efikon, se ĝi donus al ili la certecon, ke ekzistas en la mondo multe da belajoj.

Ne sufiĉas, ke la infanoj lernas obei. La malbonaj gvidantoj, pli ol la aliaj, profitas la homan obeemon. Estas necese, ke la individuo sentu internan fajron. Vane ni agas provizante la memoron de la lernanto, se lia spirito restas malvigla. Ni ne instruu al li la saĝecon de la maljunuloj, se tiu saĝeco lasas lin indiferenta. Ĉefajo estas movi lian animon. Oni instruiĝas profunde, nur se oni instruiĝas emocie. Malbonan kvaliton havas studoj senĝoje faritaj.

*H. Roorda van Eysinga*
Trad.: A. R.

## Pri birda, planta kaj homa flugo

Dum ĉiuj historiaj tempoj la solvo de la fluga problemo estis la plej granda deziro de la homoj. La antikva norda sageo rakontas, ke Wieland la forĝisto flugante per memfarita flugila vestajo forkuras de la korto de l' reĝo Nidung, kaj en la Grekaj mitoj ni legas pri la flugo de Daidalos kaj Ikaros, kaj tiele la ĉiutempa historio scias rakonti ĝis la kvazaŭ fabelaj raportoj dirantaj la ofte mirindajn aervojaĝojn de niaj aviadistoj. Kaj nuntempe ni admiras la perfektecon de la moderna flugarto.

Sed, ĉu tio estas efektive perfekteco? La naturscienca esploristo, kiu kun fervora intereso sekvas ĉiujn tiajn eksperimentojn, skuas la kapon. Tamen li mem povus fari tion ne pli bone, sed li pensas al la modeloj atingotaj, kaj li mezuras la distancon inter ili kaj niaj povoj. Efektive, kiaj do negravaj estas niaj sukcesoj, kiam ni komparas ilin kun la flugoj de iu malgranda birdo! Aviadilo nur pere de fortaj motoroj ebligas la homan flugon, al kiu ankoraŭ mil danĝeroj minacadas. La fluganta birdo vidigas al ni trankvilan glitadon kaj balancadon en la aermaro, sagrapidan flugadon kvazaŭ pafo kaj la plej perfektan certecon, kiu sur la tero povus esti ne pli granda. Ventpuŝo, jetonte teren malgrandan birdon, devus esti jam tre forta; dum la printempa kaj aŭtuna flugado ankaŭ la plej malfortaj birdoj venkas facile ventegojn, tiel ke oni mirante demandas, de kie rezultas la fortoj tion ebligantaj. Sed ankaŭ granda ventego ĵetas teren nek aglon nek alian rabobirdon grandan, kvankam la fortoj de ĉi tiuj bestoj ne estas kompareblaj kun tiuj, je kiuj niaj aviadistoj disponas pere de la motoroj. Ĉu oni ne jam vidis du malamikajn birdojn batalantaj en la aero, furioze atakantaj per bekoj kaj ungegoj, tiel ke plumoj estis disigitaj ĉien; kaj tamen, ili fine forflugis, ĉiu alidirekten. Neniu kredas, ke niaj aviadiloj povus atingi la samon!

Sed la certeco, kiu nuntempe ankoraŭ mankas al homa aviado, estas eble atingota. Tiaj esperoj ne ŝajnas vanaj; la renversiĝaj flugoj de niaj aviadistoj ja vidigas tian eblecon. Sed la birda flugo estas ankoraŭ pli pova rilate du ecojn, la rapidecon kaj kapablecon direktiĝi. Ŝajnas grandioze, ke aviadisto dum nur kvin ĝis ses horoj traflugas spacon, kiun rapidvagonaro traveturas dum dek horoj. Tamen tia efiko estas malmultege rilate al tiu de birdoj! Korniko, kiu certe ne estas la plej lertfluganta birdo, povas traflugi 200 kilometrojn dum unu horo; 300 kilometrojn hore atingas la blugorĝo, kiu dum unu nokto flugas de Egiptujo ĝis Helgolando, do 3000 kilometrojn. Ankoraŭ pli grandan flugpovon vidigas Amerikaj birdoj, viditaj ne malofte en Eŭropo. Ĉar ĉi tiuj birdoj survoje ne povas ripozi sur la maro, almenaŭ ne pli longatempe, ili estas devigataj trapasi per unu flugado la longegan spacon trans la Atlanta oceano, por kiu rapida vaporŝipo bezonas kvin tagojn. Sed nenia birdo povas flugi pli longe ol 12 horojn; tial oni supozas, ke ĝi povas flugi de Ameriko Eŭropon dum ĉi tiu tempo. Do ĝia rapideco estas la dekobla de la vaporŝipo. La Virginia pluvfajfulo (zool. Charadrius pluvialis), kiu forloĝiĝas el Labradoro kaj el la landoj apude de l' Hudson-golfo Sud-Amerikon, traflugas eĉ spacon de pli ol 5000 kilometroj, ne trovante okazon por pli longa ripozo dumfluge. Kaj la bordkurulo (zool. Tringa canutus), kiu nestiĝas en la nordpolusa regiono, sed dumvintre estas en Nova Zelando, ĉirkaŭas unufoje la tutan terglobon ĉiujare.

Kiaj homaj aviadefikoj estus kompareblaj kun ĉi tiaj? Sed estas ja espereble, ke ankaŭ la fluganta homo povos atingi rekordciferojn. Ĉar la rapideco de aviadiloj kreskas konstante, kaj ĉiu nova tipo pli bone konstruita rezultigas pli bonajn efikojn. Do certe estas eble, ke en estonteco la aviadistoj povos konkuri la birdojn rilate al rapideco.

Nuntempe, malgraŭ kartoj kaj kompaso ankoraŭ ne estas eble por aviadisto, ĉiam sin orienti nepre certe en la aermaro kaj sekvi direkton ĝis la celo. La direktilisto, kiu surmare disponas je la samaj iloj kiel la aviadisto, posedas ankoraŭ aliajn tre gravajn rimedojn, la logon kaj la sondoplumbon. Per sondado li konstatas la malalton, kaj la logo al li vidigas la jam trapasitajn marmejlojn. Tial la plej bona markarto estus senutila sen la nomitaj iloj. Sed la aviadisto ne posedas tiujn du ilojn.

Eble ankaŭ la problemo de aera sinorientado estos solvata. Tamen nun ni ĉiam devas envii la birdojn, kiuj scias tiel mirinde sin orienti kaj trovi la rektan vojon al iliaj vintrejoj sen karto, sen kompaso, ĝis la domo de iu vilaĝeto, kie ili nestiĝis la lastan jaron. Por klarigi ĉi tiun econ, kiu ĝis nun estas ankoraŭ tute enigma, oni parolas pri „celsento aŭ direkta sento", estanta altgrade besta eco, kiu kapabligas ilin ĉiam trovi la ĝustan vojon laŭ instinkto. En ni ĉi tiu sento ne efikigas, sed estas eble, ke ni povas ĝin akiri iafoje. Sendube la prahomo ĝin posedis, kaj la sovaĝulo, trovanta la vojon en praarbaro laŭ ne eraremа instinkto, ĝin havas ankoraŭ nuntage. Do estas verŝajne, ke ankaŭ la kultura homo posedas ankoraŭ ĉi tiun senton, se ajn kaŝatan. Ĉar kiagrade la kulturo al ni donacas pli bonajn artefaritajn ilojn, tiagrade niaj naturaj organoj kaj sentoj plimalboniĝas, nun malpli ofte uzataj kiel iam. Nia orelo, nazo, okulo tute ne estas tiel sagacaj kiel tiuj de sovaĝuloj. Do oni certe rajtas pensi, ke ankaŭ la celsento malfortiĝis pro neuzado kaj povus esti refortigata. Tio ŝajnas absurda, tamen ne estas tia.

Ĉi tiu komparo inter flugantaj bestoj kaj aviadantaj homoj donas rezultojn sendube interesajn. Sed studante la plantan flugon, la naturscienculo eltrovas aĵojn multe pli interesajn. La planto nur kiel semo estas aerveturanta. Por ke la vento ĉienvastigu la semojn, la planto ekipas la etan aerpasaĝeron je la plej diversaj iloj kaj rimedoj, kiuj estas tre similaj al la home artefaritaj aviadiloj.

Se la teknikuloj, provintaj desalti de montoj, turoj k. t. p. per faligilo, estus studintaj la semojn de la skabiozo [botan. Scabioza species], ili estus sciiĝintaj, kiamaniere tiaj faligiloj estas konstruotaj, kaj eble ne tiel multaj aviadistoj estus pereintaj. La semoj de la stelforma skabiozo posedas la plej idealajn faligilojn elpenseblajn. Ili estas formitaj ne same kiel pluvombrelo, sed sferoformaj; tial ĉiuj aerfluhaltoj estas evitataj, kiuj ĉiam ekestus pro la funga formo de supren kurbigata faligilo. Simetrie kaj malrapide ili ŝvebas malsupren.

Tiu ĉi problemo de aerveturado estas ja ankaŭ tre grava por la planto; la perfekteco de la naturaj plantfaligiloj do estas komprenebla. La planto produktas nek gasojn, per kiuj ĝi igus sin kvazaŭ malpli peza ol aero, nek provizas la semojn je motoroj. Ĝi devas celadi, ke la semo aŭ la flor-

polvero (= antera polvero = gravediga grenero) restu flugpendanta en la aero kiel eble plej longatempe kaj ke la falo plimalrapidiĝu. Ĉar ju pli longatempe la ŝvebado daŭras, des pli estas eble, ke la florpolvero atingos kaj gravedigos alian floron de la sama speco, des pli distance ĝi povas foriĝi de la planto ĝin naskinta kaj enteriĝi tie, kie la juna plantido ne plu povas konkuri la pli aĝan planton. Tiun ĉi problemon la planto povas facile solvi. Ĉar la eta florpolvero estas tiel malpezega, ke ankaŭ la plej malforta ventspiro longatempe ĝin portas; krom tio ĝi estas provizita je aerujoj. Pli malfacila afero estas tiu problemo rilate al la semoj. En aerplena spaco ĉiuj solidoj falas samrapide: 9,8 m en la unua sekundo, duoble 9,8 m en la dua, trioble 9,8 m en la tria k. t. p. Sed en aerplena spaco la aero malcedas la falon. Ĉi tiu malakcelado estas ju pli granda, des pli larĝa estas la faco, kiu falante premas je la aero. Ju pli rapida estas la falo, des pli forte ankaŭ la aero rezistas. Tiu ĉi proporcio restas tiel longatempe, ĝis kiam la falanta solido ekflugpendas, tio estas ĝis kiam la aera malakcelado egalas la teran gravitadon, kiu ja kaŭzas la falon. Laŭ ĉi tiuj leĝoj estas konstruataj ankaŭ la plantaj flugistoj, en kiuj la semoj mem estas kiel eble plej malpezaj, sed la faligilo posedas kiel eble plej larĝan facon.

Tamen multaj semoj devas fali sen faligiloj; ili plimalgrandigas ne malgrave la falrapidecon per plietigo de la pezo. Ekzemple la semoj de papavo, pezantaj nur 0,0005 gramojn, falas 5 metrojn posekunde. La harflugantoj, kiuj posedas faligilojn de harfaskoj, havas falrapidecon da nur 30 centimetroj sekunde, ĉar dumfale la haroj sin metas horizontale; tiamaniere bonega faligilo rezultas. La sporoj de likopodio (botan. Lycopodium spec.) falas ankoraŭ pli malrapide, ĉar nur 4,5 milimetrojn po sekundo, mirinda efiko atingata nur per la malmulta pezo de la sporoj, sen ia faligilo. Tia sporo ja pezas nur 0,00000036 miligramojn; krom tio ĝi estas ĉirkaŭata de densa aerkovro, do funkcias kvazaŭ baloneto.

Balonsimilaj estas ankaŭ la flugiloj de la plantoj flugantaj per aerplenaj vezikoj. La semoj de tilio (bot. Tilia spec.), de argentfolio (bot. Lunaria spec.) kaj zanonio (bot. Zanonia spec.] estas similaj al aliaj aviadiloj. Ĉi tiuj semoj altereniĝas glitflugante. Inter du maldikaj, rigidaj haŭtflugiloj troviĝas semo, kiu falas nur 18 centimetrojn po sekundo; do tiu estas perfekta tipo de glitfluganto. Ĉe plena aertrankvilo la semoj de zanonio glitflugas tre oblikve teren, tiel ke malsupre de dekmetra altaĵo ili atingas flugdistancon da pli ol 100 metroj. Tio estas efiko, kiun homa aviadilo apenaŭ atingas, kaj estas des pli mirinda, ĉar atingata per plej simplaj rimedoj. Se la flugiloj de glitantaj plantoj estas ne grandaj, tiam ili estas ofte kurbigitaj ,nur iomete; tiamaniere la pezocentro troviĝas ne plu en la ebeno, kiu laŭlonge de la flugdirekto trapasas la premcentron. Tiam la semo falas ne plu vertikalen, sed ĝi traflugas spiralojn, kiuj fariĝas iom post iom pli larĝaj, ĝis kiam la semo alvenos teren je same kurbata linio.

Sed en la floraro oni vidas ne sole glitflugantojn kaj faligilojn, sed eĉ aerveturilojn, kiuj antaŭen moviĝas per puŝiloj, krome per malgrandeta helpo de l'vento. La nukso de liviodendro (bot. Liviodendron tulipifera) estas sesmilimetra kaj havas rigidan, konkave kurbitan flugilon, kiu dumfluge rotacias ĉirkaŭ sia horizontala akso kvazaŭ aerŝraŭbo. La semoj de kombetro (bot. Combetrum pilosum) posedas eĉ kvar tiajn flugilojn.

Do la studado de plantoj por aviadistoj certe ne estas senvalora. Ĉar en la floraro oni trovas la samajn rimedojn por flugo, kiujn oni admiras ĉe homaj aviadiloj. Sed la plantaj iloj estas des pli perfektaj, ĉar ili estas elprovitaj dum multaj jarmiloj.

*O. Marquard.*

---

# ✱ NOTOJ ✱

∴ **Aviado kaj sendanĝereco.** — El la raporto de Generalo Sykes pri la laboro de civila aviado en Anglio de la 1 majo ĝis la 31 oktobro, ni eltiras la jenajn interesajn ciferojn:

Flughoroj: 4000. — Flugoj: 21,000. — Pasaĝeroj: 52,000. — Distanco traflugita: 490,000 km. — Akcidentoj: 13. — Pilotoj mortigitaj: 2, vunditaj: 6. — Pasaĝeroj mortigitaj: 0, vunditaj: 10.

La procento de la vunditaj pasaĝeroj rilate al la transportitaj estas do 0,019, aŭ per aliaj vortoj estas 1 vundito po 5200 pasaĝeroj. La fervojaj kompanioj bonvolu kompari!

Alian interesan statistikon liveras S-ro Glenn L. Martin, la fama Usona konstruisto de aeroplanoj, komparante aŭtomobilan kaj aeroplanan vetkuradojn:

Aŭtomobilkurado de Indianopolis. — Distanco: 804 km 500. — Plej granda rapideco: 177 km hore. — Mezrapideco de la gajninto: 141 km 658 hore. — Foririntoj: 33. — Alvenintoj: 15 (45 %). — Mortintoj: 3 (t. e. 1 po 6436 km).

Aeroplankurado New York-Toronto. — Distanco: 1676 km. — Plej granda rapideco: 215 km hore. — Mezrapideco de la gajninto: 205 km hore. — Foririntoj: 52. — Alvenintoj: 30 (50 %). — Mortintoj: 7 (t. e. 1 po 30,000 km).

Aeroplankurado San Francisco. — Distanco: 4360 km. — Plej granda rapideco: 217 km hore. — Mezrapideco de la gajninto: 193 km hore. — Foririntoj: 62. — Alvenintoj: 31 (50 %). — Mortintoj: 7 (t. e. 1 po 30,000 km).

La komparo montras do atentindan superecon de la aeroplanoj je la aŭtomobiloj rilate rapidecon kaj sendanĝerecon.

∴ **Kulturfruktoj kaj elektro.** — De post kelkaj jaroj oni praktike eksperimentas la favoran influon de la elektro je la kreskado de la kulturfruktoj. Precipe en Anglio oni jam atingis kontentigan staton kaj multe plibonigis la metodon. La kreskaĵoj submetitaj al la elektra influo kreskas senescepte pli alte kaj pli forte ol la aliaj. La metodojn oni aplikas jene: Je ĉiu dek-unua metro ĉirkaŭe oni fiksas teren stangojn altajn je 5½ metroj kaj fiksas de unu al la alia stango maldikajn ferfadenajn kondukilojn, tiamaniere, ke la tuto reprezentu retaron super la kampo. Oni alkondukas je la ferfadenoj altatensian elektran fluon de 60,000 ĝis 100,000 voltoj, sed tre malfortan. La kostoj estas malaltaj (ĉe grandaj kampoj ĉ. 15 ct. po hektaro). Submetitaj al tiu procedo, la kukumoj montras plian kreskadon de 17 %, la fragoj 36—80 %, la karotoj 50 %, la aveno kaj tritiko 49 %, la pajlo de la aveno ĝis 88 %. Oni povas esperi, ke post kelkaj jaroj tiu metodo estos pli ofte aplikata kaj plimultigos la rikoltojn ĉiuspecajn. — *E. S. H.*

∴ **Cenzuro de la filmoj.** — En Germanio estas preparata leĝoprojekto pri la cenzuro de la filmoj. Laŭ la 1ª artikolo, ĉiu filmo devas esti oficiale ekzamenata, antaŭ ol esti publike elmontrata. La permeso estos rifuzata ĉiufoje kiam oni povos timi, ke la elmontrado de filmo endanĝerigas la publikan sekurecon, ofendas religiajn sentojn aŭ, ekscitante malaltajn instinktojn, favoras maldelikatecon kaj senmoraliĝon. Krom tio oni malpermesos montri al junuloj malpli ol 17-jaraj ĉiujn bildojn, pri kiuj oni povas timi, ke ili malutilos al ilia morala, spirita aŭ higiena pliboniĝo, aŭ ke ili malsanige superekscitas ilian imagon.

∴ **Internaciaj poŝtaj tarifoj.** — Oni anoncas, ke en la venonta kongreso de la Universala Poŝta Unuiĝo dum 1920 estos proponata plialtigo de la poŝtaj tarifoj, por la leteroj je 40 centimoj anstataŭ 25, por la poŝtkartoj je 20 centimoj anstataŭ 10. Jen novaĵo, kiu malmulte ĝojigos la Esperantistojn! Oni memoras, ke antaŭ la milito estis movado, por enkonduki la internacian dekcentiman leterafrankon. Tempoj pasintaj, kie vi estas?

# ✻ LITERATURO ✻

EL LA ARMENA LITERATURO

# Sarkis

Rakonto de S-ino Iskouī Minasse

Sinjorino Iskouī Minasse estas nuntempa Armena verkistino.

I

— Ci estas kontenta troviĝi en Konstantinoplo?
— Mi?... Mi ne scias...
— La servo estas tamen malfacila, he?
— Mi... mi ne scias...
— Sed ci certe dezirus reveni hejmen, ĉu ne?

Neniu muskolo ekskuiĝis ĉe lia maljuneta vizaĝo; li rigardis la steberon de siaj botoj ĉiam makulitaj de koto ĝis la ŝtopnajletoj; mi insistis, esperante eltiri ion de tiu strangeta estaĵo, eltrovi en lia voĉo emocian signon:

— En Sivas, ci komprenas, Sarkis? kie estas cia malgranda Ŝake...

Konstante li eklevis ambaŭ siajn brakojn super la kapon, kvazaŭ li levetis infanon, poste, palpebrumante, kun buŝo fendita ĝis la oreloj, li ridis kvazaŭ stultulo.

Iafoje, kiam tiu ĉi rido tro ŝirpinĉis miajn nervojn, mi kun iom da malŝato rigardis tiun brutulon — homan estaĵon, kiun emociis nek penso pri la hejmo, nek ankaŭ rememoro pri lia filino.

Sed plej ofte mi eklevis la ŝultrojn, tamen kompatante la sorton de l' mizerulo kondamnita al malfacila servo de help-pordisto. Dudekfoje tage, spiregante kiel foko, li tragrimpis la kvin etaĝojn, alsonorigita de la luintoj. Mi vidis lin haltanta sur ĉiu ŝtuparplaceto kaj viŝanta per refaldo de la mano la ŝvitantan frunton. Neniam li ŝajnis al mi pli ŝarĝobesto ol matene, kiam li surgrimpis la senfinajn ŝtupojn, kun dorso ŝarĝita de grandega korbo da brulŝtipoj, kiu minacis dispremi lian grasetan korpon.

— Estas peze, ne? mi iafoje diris al li.

Li respondis al mi per iu *ha!* mallonga, poste daŭrigis supreniri.

Iun tagon mi scivoleme demandis, kial li obstinis ne uzi la lifton por transporti la lignon kaj karbon.

— Ĉi tio simpligus cian laboron, ĉiuj aliaj, antaŭ ci, faris tiele.

Unu sekundon, li min alrigardis kun tiu stulta aspekto, kiu intensigis lian kutiman idiotan rideton, poste skuante en siaj kalaj manoj la grandan pendantan ĉenon:

— Kun tio ĉi estas riskoj, diris li, dum kun miaj kruroj...

Ĉar mi lin rigardis, ne tuj kompreninte, li klarigis kun fingro streĉita al la vitraro, rigardanta en la korton:

— En mia lando ni ĉi tiujn maŝinojn ne havas. Se mi rompas iun vitron, oni pagigos ĝin al mi...

Ĉi tio estis eble lia tuta penso, tiu ĉi kelko da vortoj. Li ŝatis la monon... Tion pruvis la miro, poste la fulmobrilo de dezirego, kiun lumigis en liaj okuloj la vido de monero, kiun mi prezentis al li.

De tiam, ĉiufoje kiam mi volis paroligi la strangan tipon, kia estis Sarkis, mi subŝovis trinkmonon en lian manon. Kaj kvankam li ne estis multparolanta — ĉi tio estis necbla al li pro langdifekto: li estis balbutulo — mi tamen sukcesis kontentigi la eksterkutiman intereson, kiun li inspiris al mi depost la unua tago de sia eniro en la ĥano.[1]

Mi sciiĝis tiele, ke li havas siajn maljunajn gepatrojn en Sivas, ke li estas edzigita depost kvin jaroj, kaj ke lia sola infano, filineto, estas nomata Ŝake.

[1] Primitiva hotelo kun manĝejo kaj trinkejo estas nomata *ĥan* en Oriento. — *Rim de trad.)*

Dum li donis al mi tiujn ĉi detalojn, mi atente kaŝobservis lian vizaĝon. Ŝirpinĉata de la balbutula konvulsieto, ĝi montris la plej kompletan indiferentecon.

Vere, mi ne estis erarinta: Stultulo li estis.

II

Estis ĉirkaŭ novjaro. Mi elvokis Sarkis por lin ŝarĝi per komisio. Ĉar mi konis lian akuratecon en la servo, mi miris pri la malrapideco, kun kiu li respondis al mia voko, kaj mi klinis min super la balustrado, bedaŭrinte, ke mi trifoje senutile sonorigis, kiam mi ekvidis lin aperanta sur la malsupro de l' ŝtuparo.

— Ci do ne estis tie?

Li daŭrigis supreniri, ne respondante, sed mi rimarkis, ke li apogas sin ĉe la muro, kvazaŭ li havus penon por surgrimpi la ŝtupojn. Mi demandis lin, ĉu li estas malsana.

— Ne, li signis per la kapo.

Malgraŭ lia kutima aspekto, min impresis io nenormala en lia fizionomio, kion mi ne povis eĉ nun difini — eble simpla imagefiko. Mi rememoris — mi ne scias kial —, ke mi la antaŭan tagon, dum foresto de l' Turka pordisto, vidis lin en la loĝio mallaŭte interparolanta kun samlandanoj. Kaj, kvazaŭ intuicie, mi pensis al korespondaĵo pri la buĉadoj en Sivas, kiun mi antaŭ kelkaj semajnoj legis en Franca ĵurnalo. Instinkte, mi mallaŭtigis la tonon por lin demandi:

— Ci ricevis malbonajn novaĵojn el la hejmo?

Li rigardis min, rigardis la eluzitajn kalkanumojn de siaj botoj, poste respondis:

— La Kurdoj buĉis...

— Sed nenio okazis al la ciaj? mi diris, tuj komprenanta.

La manojn en siaj poŝoj, kun voĉo neniel tremanta, Sarkis eldiris:

— Oni mortigis miajn maljunajn kaj...

Levante la brakojn super sian kapon — lia kutima gesto, kiam oni parolis al li pri Ŝake — li finis:

— La malgrandulinon ankaŭ...

— Ah! kompatinda, kompatinda infaneto!

Mi apogis min kontraŭ la muro. La ormonereto, kiun mi estis preparinta — lia *bakŝiŝo*[1] okaze de la novjara tago — eglitante inter miaj fingroj, rulis sur la plankon. Subite teruro min trairis pro la ruĝa vizio: la filineto surprizkaptita dum dormado, trenita ĉe la brileto de torĉoj, eble sub la okuloj patrinaj, piedpremita, dispecigita de brutuloj aĉigitaj de sango...

Sarkis kliniĝis, levprenis la moneron, poste ĝin prezentis al mi.

— Tute ne, mi diris, ĝi estas por ci. Kaj mi forpuŝis lian manon.

Li fikse alrigardis min kvazaŭ ne kompreninte. Tro konfuzegita de ĉio, kion mi ĵus eksciis, kaj malkapabla aldoni vorton, mi lin vidis turnanta kaj returnanta la kvaronfunton en lia raspa manplato, kun unua gesto, kiun oni povus kompreni kiel rifuzon. Mi baldaŭ rimarkis la eraron. Observinte la moneron de tre proksime, li diris:

— Dudek-sep piastrojn.[2]

Kaj tirinte el sia brusto lanan monujon, li ĝin malaperigis tien kun miriga rapideco.

Antaŭ ol malproksimiĝi, la Armeno tiun tagon tamen faris ion surprizan. Li, la duonsovaĝulo, kiun mi kredis funde koni, kisis mian manon, dankante al mi per la jenaj vortoj:

— Dio konservu viajn malgrandulojn!

III

— He! tie, stultulo! ci tute disfaligos la masonaĵon!

Tiu ĉi krio de la Turka ĥanpordisto, aldonita al surdiga bruo de ferajaĉo, min starigis ekskue en mia lito.

Estis la tago post kiam Sarkis estis min informinta pri la buĉadoj en Sivas. Post dormo akompanata de teruraĵoj, kiu neniel

[1] *bakŝiŝ*, Turka deveno, signifas en Oriento trinkmonon. — *(Rim. de trad)*
[2] 1 Turka piastro = 25 centimoj. — *(Rim. de trad.)*

ripozigis min, la vekiĝo estis por mi liberiĝo. Mi havis malgraŭ tio iom da peno por rekonsciiĝi pri la okazintaĵo. Ĉar oni ne plu uzis la lifton, mi estis malkutimiĝinta je tiu bruego, kiu, iam, signis regule por mi la horon de ellitiĝo. Ĝin aŭdante — la unuan fojon depost la alveno de Sarkis — mi komence pensis, ke oni anstataŭigis la mizerulon. Dezirante certiĝi pri tio, mi rapide min vestis kaj malfermis la fenestron rigardantan al la korto. Mireglgis min tio ĉi, kion mi vidis.

La manikojn suprenfalditajn ĝis la kubuto, la vejnojn de lia frunto ŝvelintajn, Sarkis direktis la lifton ... En liaj grandaj, haraĵaj manoj, la grandega ĉeno pendolis, batis furioze la muron, duontuŝante la vitraron, kiu minacis ĉiuminute disrompiĝi.

— Ĉu ne aŭdis, besto? kriegis la pordisto ekscitege.

Ne respondante, duonkorpe fleksite pro la klopodo de siaj muskoloj, Sarkis daŭrigis pene suprenlevi la korbegojn da ŝtipoj.

Vidante, ke li restas senatenta al la voko de sia ĉefo, kiun li kutime obeis kun la blinda humileco de inteligenta bruto, mi demandis min, ĉu — malgraŭ ĉio, kion mi pensis — la novaĵoj ricevitaj el la hejmlando ne renversis lian kapon. Sed mi neniel havis la tempon klarigi al mi lian konduton.

Granda vitro de la dua etaĝo, fortege ektuŝegita, malligiĝis, trafendita, kaj frakasfalis. Okazis samtempe tiu ĉi eksterordinara afero: anstataŭ forflankiĝi — kio estis al li ebla, ĉar liaj okuloj estis suprenfiksitaj — sin ŝirmi sub la fera retaĵo de la lifto, li faris paŝon antaŭen ...

Sekundon mi fermis la okulojn, poste salte mi ekkuregis sur la ŝtuparplaceton kaj ekmalsupreniris.

Kun frunto makulita de teruregа haŭtfendo, el kie fluegis la sango, formante marĉetojn ĉe liaj piedoj, Sarkis sin apogis kontraŭ la muro.

— Mallertulo ..., provis klarigi la pordisto, furioza pro la farita domaĝo.

Per unu rigardo mi najlis la vortojn sur lia buŝo.

— Oni devas tuj lin transporti en hospitalon.

Mi atendis, ĝis li foriris kaj proksimiĝis al Sarkis. La Armeno komence ne rekonis min. La sango obstrukcis lian vidon. Mi helpis al li elviŝi la fluadon per kvadratstrekita naztuko, kiun li elpoŝigis. Lia rigardo iris de mi al la loko, kie ĵus troviĝis la Turko. Mi komprenis, ke li volas paroli al mi, sed li malfidis ...

— Li foriris, mi diris.

La kompatindulo havis tiam la forton sin iom starigi, eltiri el sia brusto la lanan monujon, kien la antaŭan tagon li estis kaŝinta sian bakŝiŝon. La frukto de lia stultiga laborado, la prezo de l' ekzilo, la tuta sekreto de lia malluma dujara turmentegado estis tiu ĉi sumo kolektita, moneron post monero. Li prezentis ĝin al mi.

— Vi ĝin donos al mia frato ... por ke li sendu ĝin hejmen ... Mi volas, ke oni metu krucon sur la tombon ...

— De la malgranda Ŝarke, ĉu ne? finis mi, kortuŝege emociita.

Momenton mi deturnis la kapon, por ne vidi la homon, kiu kuraĝis tiun teruran memmortigon, levanta maŝinsimile la brakojn kvazaŭ por luli ankoraŭ la hejme mortintan etulinon ... Sed li alkroĉis sin al mi, kun ia brua stertoro, ia kvazaŭ plilongigita plorsingulto, tiel simila al lia antaŭa rido, ke mi frostotremis de l' kapo ĝis la piedoj.

— Ĝi estis ... por ŝia edziniĝa vestaro! laŭte diris li.

Kaj li senkonsciiĝis.

El Armena novelaro,
trad.: *Iv. H. Krestanov.*

---

# La rozo

El **Torquato Tasso**

*Di se stessa invaghitta e del suo bello*
*Si specchiava la rosa.*

*De si ravite kaj de belo sia*
*Spegulis sin la rozo centfolia*
*En klara, rapida torento,*
*Kiam impeta ekblovo de vento*
*Senfoliigis la belan rozeton.*
*Folioj falis en la rivereton;*
*La rivereto, forfluante,*
*Kunportis ilin, rapidante.*
*Kaj tiel, ho ĉielo!*
*Rapidege pasas belo.*

---

# Tagmeza kvieto

El **Antonio Fogazzaro**

*Assona il cielo bianco,*
*Il vento stanco.*

*Sub blanka firmamento*
*Sopiras laca vento*
*Kaj svenas en silent'.*
*Silentas bosk', herbaro,*
*Kaj, inter koloraro,*
*La lago el argent'.*
*Sur la dormant-ebeno*
*Trankvila Alp-tereno.*
*Nur viglas en moment'.*
*Apenaŭ, tra l' kvieto,*
*Aŭdiĝas tintileto*
*De iu bruto for.*
*Kaj en ripoz' mistera*
*Mi pensas pri sincera,*
*Pri mi pensanta kor'.*

El Itala lingvo
trad.: *Antoni Grabowski.*

---

# *Al niaj abonantoj*

*Por la sube nomitaj landoj ni starigis nacian pagejon, al kiu oni bonvolu sendi kotizaĵojn kaj abonojn.* (Vidu la prezojn en Oficiala Informilo de UEA.)

*Aŭstrio:* D-ro Ed. Sós, Tuchlauben 18, Wien.

*Belgio:* S-ro H. Petiau, 60, Bd. St-Liévin, Gand.

*Bulgario:* S-ro Stefano Minkov, Ecole mecanicotechnique, 77, Nichka ul., Sofia.

*Ĉeĥoslovakio:* S-ro František Kavan, Poděbr. tř. 6, Plzeň.

*Finnlando:* Esp.-Oficejo, Kustannusosakeyhtiö Otava, Uudenmaankatu 10, Helsinki.

*Hungario:* S-ro Paulo Balkányi, Hajos u. 15, Budapest VI.

*Jugoslavio:* S-ro Ivan Křepelka, Koučanica (Kroatio).

*Polio:* S-ro Ad. Oberrotman, Krak. Przedmiescie 10, Warszawa.

# Ellerni!

Redaktoro de internacia Esperanto-gazeto havas la okazon ricevadi kaj la devon tralegadi multajn manuskriptojn senditajn de diverslandaj samideanoj, tiel ke pli ol iu alia li povas prijuĝi, ĝis kia grado nia lingvo estas bone sciata kaj praktika uzata. Se en tiu ĉi fako ekzistas kompetentulo, oni verŝajne ne rifuzos nomi lin tia. Ĉu oni permesos al unu el tiuj boninformitaj personoj malkaŝi la sekreton, ke el la ricevita materialo li malĝoje konstatas, kiom multaj personoj, inter kiuj fervoraj kaj malnovaj Esperantistoj, ne sufiĉe scias nian lingvon? Tia estas efektive la bedaŭrinda realeco. Ĉu tiun fenomenon kaŭzas la fakto, ke Esperanto estas malfacila lingvo? Neniel. Ĉiu scias, ke Esperanto estas per si mem nekompareble pli facila ol ajn iu nacia lingvo. Sed ĝuste tiu facileco prezentas ian danĝeron: Tro multaj homoj lernas Esperanton nur tiel, ke ili povu legi gazeton aŭ libron kaj paroli pri elementaj aferoj. Tuj kiam tiu facila rezultato estas atingita, ili rezignas je plua studado. Ĉar ili povas legi kaj paroli, ili opinias, ke ili ankaŭ same facile povas verki kaj traduki. Kaj jen ili sendas al la redaktoroj manuskriptojn, kies deĉifrado certe ne estas la plej agrabla parto de ilia tasko.

Ĉiu persono lerninta fremdan lingvon scias, ke legi ĝin estas relative facile, paroli ĝin pli malfacile kaj korekte ĝin skribi tre malfacile. Kompreneble en Esperanto la diferenco estas pro la logikeco de la Zamenhofa lingvo multe malpli granda ol en idiomo nacia, sed ĝi tamen ekzistas. Esperanto, kiel ĉiu lingvo vivanta, havas stilon, propran spiriton, kiuj ne inokuliĝas al iu per elementa lernolibro. Ilin oni devas akiri per praktika ekzercado, kiu povas esti pli aŭ malpli longa, laŭ la lingvosento de la studanto, sed nepre ne povas esti malzorgata.

La plej oftaj kaj plej gravaj eraroj konstateblaj ne koncernas la gramatikon aŭ la vortaron,[1] sed la stilon. Multaj Esperantistoj ne scias klare skribi Esperanton por internacia publiko, kaj ili tion ne scias, ĉar ili ĝin neniam lernis per sufiĉa ekzercado. Naciaj idiotismoj laŭvorte tradukitaj, longaj kaj komplikaj frazoj, konfuzaj esprimoj, mallerta frazaranĝo, pekoj kontraŭ belsoneco kaj klareco estas oftaĵo. ~~Bedaŭrinde, ĉar iafoje la redaktoroj ne havas tempon por plibonigi la manuskriptojn al ili sendatajn (tio estas nek agrabla, nek eĉ facila), okazas, ke tiaj malbonstilaj artikoloj enŝoviĝas en gazetojn kaj per publikiĝo favoras degeneriĝon, malelegantiĝon de la lingvo.~~ En la mano de malspertuloj Esperanto fariĝas peza, konfuza, neagrabla, dum ni scias, el la bonaj paĝoj de nia literaturo, ke ĝi kiel ĉiu lingvo povas havigi per la stilo artan ĝuon al la leganto.

Ĉu kuracebla estas tiu malbono? Sendube. La konstatitaj mankoj devenas nek de la lingvo, nek de neforigebla individua mallerteco, sed grandaparte de nesufiĉa ellerno. Dum la *elementa* instruado de Esperanto estas prizorgata diligente, kontraŭe la *supera* instruado estas aŭ tute malatentata aŭ malbone plenumata, krom kelkaj meritaj esceptoj. Vizitinte kurson aŭ lerninte laŭ libro, la novaj Esperantistoj tro ofte nenion plu studas: oni al ili tiom ripetis, ke la lingvo estas lernebla en kelkaj semajnoj, ke ili post kelkaj semajnoj kredas ĝin tute scii. Kie okazas „supera" kurso, tiu ĉi ofte konsistas nur el simpla ripetado de la elementa, aŭ el komentario de negravaj gramatikaj subtilaĵoj. Supera instruado devas esti pli bone, pli trafe aranĝata, laŭ pli alta vidpunkto.

[1] Estu tamen konstatate, ke multaj tradukantoj aŭ verkantoj ne sufiĉe trarigardas la vortarojn. Ili elpensas vortojn aŭ kunmetitaĵojn, kiuj estas klaraj nur por ili, sed nekompreneblaj por alilingvanoj. Tion evitigus pli ofta enrigardo en la vortaroj. Generale la manuskriptoj ne estas sufiĉe zorge prilaboritaj; oni fidas al la redaktoro, ke li tion faros plej bone. Sed tio estas eraro, ĉar li aŭ ne havas tempon aŭ mem ne ĉiam sukcesas venki la malklaraĵojn de la legata teksto. En dubo oni prefere sin turnu al sperta enlanda samideano antaŭ ol sendi manuskripton al gazeto.

Por plilertigi la lernantojn, oni rekomendas al ili legi kaj relegi bonajn verkojn. Dezirinda tio certe estas, sed nesufiĉa. Ekzistas personoj, kiuj legis multajn Esperantajn verkojn kaj skribas nekorekte; simile okazas en la naciaj lingvoj. La ekzemploj de la libroj estas malpli efikaj ol persona ekzercado sub kontrolo de sperta Esperantisto, kaj la plej instrua ekzerco estas tradukado. Por la ellerno de la lingvo, originala verkado ne ludas ĉefan rolon. Verkante en Esperanto oni kutime sin adaptas al la limigitaj konoj, kiujn oni akiris, kaj malmulte progresas. Kontraŭe, tradukado trudas konstantan penslaboron, zorgan elekton de l' esprimoj, ellernon de novaj vortoj kaj parolturnoj. Ĝi estas nekomparebla rimedo por funde studi lingvon, kaj ĝi prezentas tiun duoblan avantaĝon, ke krom Esperanto oni samtempe ellernas sian propran lingvon kaj ekdistingas la valoron de ĝiaj aŭtoroj. (Kiom da naciaj konataj aŭtoroj fariĝas neniuloj ĉe tradukado!) Tamen, por ke tiu ekzercado vere utilu, estas nepre necese, ke ĝi estu farata sub la gvidado de sperta Esperantisto kaj laŭ plano. Se ĝi estas provata inter personoj same senspertaj, ĝi neniel efikos. En ĉiu urbo, kie spertulo tia ekzistas, devus kreiĝi ĉirkaŭ li rondo de laboremaj Esperantistoj celantaj ellerni la lingvon, kaj en ĉiu lando devus stariĝi organizaĵo de kleraj Esperantistoj, kiu prilaborus planon de supera instruado, aranĝus korespondan tradukokurson por izoluloj, korektus laboroj de la urbaj instrurondoj, organizus konkursojn. Esperantaj ekzamenoj kun diplomoj estas ankaŭ utilaj, sed tro maloftaj. Cetere la ekzamenaj komitatoj devus ne limigi sian taskon al okazigo de ekzamenoj, sed pli ĝenerale ampleksi la metodan superan instruadon de nia lingvo. ~~Naciaj gazetoj povus ankaŭ helpi, publikigante paralelan tradukon de valora teksto de nuntempa aŭtoro (sed oni ne elektu malsaĝajn infanajn anekdotojn, kiuj forkurigas seriozajn lernantojn!). Kelkaj gazetoj tion faris pli frue.[1] Kial ili ĉesis?~~ La nombro de la personoj, kiuj scias bone traduki ne tute facilajn tekstojn, estas tre malgranda. Eĉ Esperantistoj verkantaj sufiĉe lerte kaj tre flue parolantaj estas ofte, ni tion konstatis, ne bonaj tradukantoj, ĉar ili ne ekzerciĝis. Tradukarton oni devas lerni. Dum longa tempo la Esperanta verkaro kaj artikolaro konsistos el tradukoj; per ili prilaboriĝos la lingvo. Ni do penu eduki tradukantojn, kiuj helpos al ĝia praktika plitaŭgiĝo, anstataŭ difekti ĝian stilon, kaj antaŭ ĉio ni komprenigu al la Esperanto-lernantoj la necesecon perfektiĝi kaj ne kontentiĝi je supraĵa duonscio. Tio ankaŭ utilos al la plifirmiĝo de nia lingvo: Esperantistoj ĝin funde konantaj ja estas al ĝi neŝireble ligataj, ĉar ĝi tuŝis ilian koron. Kiam supera instruado estos serioze organizita, Esperanto disverŝos al miloj la ĝuojn, kiujn ĝi nun havigas nur al kelkaj. Multaj, tro multaj estas la homoj, kiuj eniras la templon, ne sciante admiri ties belaĵojn.

*H. Hodler.*

[1] Por germanlingvanoj estas rekomendinda la gazeto *„Esperanto Praktiko"*, kiu speciale zorgas pri la supera instruado de nia lingvo.

---

# Inter ni

*Niaj Milanaj amikoj restarigis ĝojigan movadon. La urbestraro malfermis du oficialajn kursojn por prepari geinstruantojn de Esperanto. Enkonduko de la lingvo en la lernejoj venos post sukceso de tiu unua paŝo. Bedaŭrinde unu fakto malfaciligas tiujn kuraĝigajn progresojn: la manko de libroj, ambaŭ lerniloj kaj legaĵoj.*

*Ne nur tie, sed en multaj lokoj aŭdiĝas la sama plendo. Efektive, la preskostoj estas tre altaj, kaj malvolonte oni riskas novan elspezon tiel ampleksan. Tamen la tuta estonto de nia afero estas minacata de tiu danĝero. Urĝas rimedo*

*La tuta ĉefa klopodo devas unue koncentriĝi je lernolibroj. Tial nenecesaj aliaj presaĵoj devas esti evitataj por pligrandiĝi la sumojn dediĉotajn al tiu grava celo. Tamen ĉu legaĵoj ne estas ankaŭ same necesaj? Kion faros lernantoj post la fino de kursoj? Tutkore mi konsentas kaj proponas tujan rimedon jenan: Ĉiu Esperantisto, grupo, redakcio, eks-administranto de iu ajn Esperanto-centro zorge serĉu tra malnovaj kestoj ne detruitaj de la milito. Ĉie restas malnovaj kvantoj de forgesitaj verkoj, tradukitaj aŭ originalaj. Forviŝu la polvon, kalkulu la nombrojn kaj anoncu la trovitaĵon al Centra Esperantista Librejo, 51, rue de Clichy, Paris,[1] kaj ankaŭ al „Esperanto", Museumsstrasse 14, Bern, donante adreson kaj proponante malaltan prezon po tuto aŭ po dek ekzempleroj. Ju pli malalta la prezo, des pli utila la informo, kompreneble.*

*Kia ajn estas la temo, la libroj estos certe utilaj en iu loko, kie oni bezonas legaĵon. Oni povos publikigi liston de tiuj malnovaj trezoraĵoj kaj tiel tre helpi al multaj novaj grupoj. Ankaŭ oni povas proponi interŝanĝojn. Por centreŭropaj samideanoj estas kvazaŭ neeble aĉeti Anglan aŭ Svisan eldonaĵon, kies prezo dudekobliĝas por ili, nur pro la monŝanĝo. Sed ili povus pagi per livero de aliaj libroj. Ankaŭ oni povus presigi ĉe ili novajn eldonojn kaj tiel ŝpari grandajn sumojn pro la kurzo. Samtempe oni havigas laboron al bezonantaj presistoj kaj laboristoj.*

*Samideanoj el ĉiuj landoj, ni vokas vin al ĝenerala utiligado de la tuta disponebla materialo. Ni atendas viajn respondojn.*

*Edmond Privat.*

[1] *Al tiu Librejo oni ankaŭ komuniku ĉiujn plendojn pri manko de libroj aŭ nerespondo de firmoj aŭ korespondantoj de Hachette & Ko. La eldonaĵoj de tiu firmo nun aĉetiĝas pere de l' Esperanta Librejo, 51, rue de Clichy, Paris.*



# XIIa UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**Hago, 8—15 aŭgusto 1920**

*Tria komuniko*

**Honora Komitato.** — Estas ankoraŭ varbitaj:

S-ino *E. Coops-Broese van Groenou.*

S-ro Mr. *A. J. E. A. Bik*, eks-urbkonsilanto; estrarano de la Haga Porfremdula Societo.

S-ro Prof. D-ro *H. Blink*, prof. ĉe la Agrikultura Universitato en Wageningen; prezidanto de la Societo por Ekonomia Geografio.

S-ro *Cyriel Buysse*, verkisto.

S-ro D-ro *J. A. Cramer*, predikisto ĉe la Nederlanda Reformita Eklezio.

S-ro D-ro *L. Deckers*, roman-katolika parlamentano; membro de la Alta Laborkonsilantaro.

S-ro *Edo Fimmen*, sekretario de la internacia metia ligo kaj de la internacia transportlaborista federacio en Amsterdam.

S-ro *P. H. van der Ley*, direktoro de la Edukejo por instruistoj en Haarlem.

S-ro Barono *F. W. C. H. van Tuyll van Serooskerken*, prezidanto de la Nederlanda Porfremdula Societo.

S-ro *Ds. J. C. Wannée*, liberreligia predikisto.

S-ro *A. W. E. Weijerman*, direktoro de la Haga Tramvoja Societo.

**Garantia Fundo.** — Ni danke notis la jenajn enskribojn po 25 guldenoj: S-ino S. van Rees-Broese van Grenou, Hago (1); S-ro W. Broese van Groenou, Sr., Hago (8); S-ro John Gabriëls, Rotterdam (1); S-ro G. van Heek, Hengelo O. (4); S-ro W. F. Lutter, Hago (1); S-ro D. F. Romein, Drumpt apud Tiel (1); S-ro J. W. Sevenhuijsen, Haarlem (1); S-ro A. de Vries, Vlaardingen (1). Entute 18 enskriboj, sume fl. 450, ĉiuj de Nederlandanoj. Espereble la enskriboj de eksterlandanoj ekalvenos.

**Donacoj.** — Kun multa danko ni ricevis la jenajn donacojn, ĉiuj el Nederlando: S-ro Mr. A. J. E. A. Bik, Hago, fl. 10; S-ro W. Broese van Groenou Sr., Hago, fl. 50; Centra Esperanto-Librejo, Hago, fl. 5; Grupo „Fine ĝi venkos", Hago, fl. 10; Haga Tramvoja Societo, fl. 150; S-ino S. van Rees-Broese van Groenou, Hago, fl 25; S-ro D. F. Romein, Drumpt apud Tiel, fl. 15; S-ro K. Schuurman, Hoogkarspel, fl. 2; S-ro W. Zwagers, Rotterdam, fl. 15. Entute 282 guldenoj. Ni varme instigas niajn plibonstatajn samideanojn ne nur pagi kotizon, sed krom tio ĝojigi la kongreskomitaton per mondonacoj. Ili ja permesos al ni fari elspezojn, kiujn la tro limigita buĝeto, fiksita je kotizoj po 10 guldenoj (kio ebligas nur la necesajn kostojn) ne permesas.

**Provizoraj prezoj.** — Diversaj samideanoj jam petis al ni informojn pri la diversaj prezoj por la restado en Hago dum la kongressemajno. Estas la tasko de la enloĝiga komisiono, post detala esplorado, fiksi klastarifon por la elspezoj de loĝado kaj manĝado. Sed tiu grava laboro ne ankoraŭ estas finita. Tamen, por provizore kontentigi la scivolemulojn, ni estas rajtigitaj komuniki, ke la minimumaj prezoj verŝajne estos: Transnoktado kun matenmanĝo fl. 3, lunĉo fl. 2 kaj vespermanĝo fl. 3, kune fl. 8 po tago kaj po persono. La rilata komisiono verŝajne sukcesos aranĝi komunajn lunĉon kaj vespermanĝon. Oni atentu, ke depost la militego la prezoj por vivonecesaĵoj en nia lando proksimume duobliĝis.

**Kotizoj.** — En nia unua komuniko, ni klarigis, ke por komplezi al samideanoj el landoj kun tre malfavora kurzo je Nederlando, ni volus akcepti kongresaliĝojn kun permeso prokrasti la pagojn ĝis en majo, kiam espereble la kurzoj estos iom pli favoraj. Kompreneble ni aranĝis tion por nerîĉaj kongresanoj. En ĉiu ajn lando oni loĝas, oni helpos nin plej efike per tuja, kaj ne per prokrastita pago de la kotizoj.

La kongressekretario:
*J. L. Bruijn.*

# KRONIKO

Ni petas ĉiun propagandiston, ke li mem senpere kaj rapide informu nin pri sia agado. Oni sendu klarajn, koncizajn raportojn kun rimarko „Kroniko" al nia Centra Oficejo, Museumsstrasse 14, Bern.

Mallongigoj uzataj: *Esp.* Esperanto; *Esp-isto* Esperantisto; *L. I.* lingvo internacia; *prez.* prezidanto; *vicprez.* vicprezidanto; *sekr.* sekretario; *kas.* kasisto; *rev.* revizoro; *bibl.* bibliotekisto; *l.* lernanto; *m.* membro; *p.* persono.

## Aŭstrio.

*Wien:* La Esp. afero konstante plifortiĝas. Bele aranĝita vespero kun prezentaĵoj kaj muzikaĵoj. Parolo de S-ro Prof. Oterton. Zamenhof-festo: paroloj, muzikaĵoj Ĝenerala kunsido de la Bohema grupo. Kursoj de S-roj Kaftan, Ĉech, Simon, Ulm, Franc, Molnar, k. a. En la Teknika Akademio S-ro J. Schamanek oficiale legas pri Esp. La Vienaj Esp-istoj kore dankas la Anglajn samideanojn pro sendoj de nutraĵoj.

## Belgio.

*Gent:* Parolo de F-ino A. Colyn. — *Verviers:* Parolo de S-ro Haine. Ekspozicio.

## Britio.

*Barry:* Kurso de S-ro P. H. Evans por infanoj. — *Edinburgh:* Grupkunvenoj tre bone vizitataj. — *Formby:* Parolo de S-ro J. Applebaum. — *Glasgow:* Sukcesa Zamenhof-festo. — *Greenock:* Kursoj

elementa, 12 p., supera 4 p. — *Leith:* Festo kaj profita vendado. Paroloj de F-ino M. Mc Nab. — *Liverpool:* Zamenhof-festo. — *London:* Zamenhof-festo: kantoj, deklamoj, paroloj. Kunveno kun koncerto ĉe Day Training College; parolis S-ro Kol. H. Fisher, ĝen. sekr. de la Unuiĝo por Ligo de Nacioj, S-roj G. J. Cox, Blaise, Alvarez, k. a. Parolo de S-ro W. K. Robinson en Sydenham. — *Sheffield:* Koncerto. — *Wallsend:* Nova grupo. Kurso de S-ro J. H. Murray, 10 p. — *Worcester:* Kurso de S-ro W. Severn por knaboj.

## Ĉeĥoslovakio.

*Brüx:* Kurso de S-ro Murath, 34 p. — *Dux:* Kurso de S-ro Murath, 23 p. — *Görkau:* Parolo de S-ro Murath. — *Haida:* Parolo de S-ro Scholze. Kurso. Grupo reviviĝis. — *Kaaden:* Parolo de S-ro Prof. Kittel. Du kursoj: 60 kaj 37 p. — *Leitmeritz:* Du paroloj de S-ro Scholze; 5 kursoj: de S-roj D-ro Hickel, Thönen, Patzoll, Lorenz, kun entute pli ol 100 p. Ĉiusemajnaj ekzercad-vesperoj. — *Odrlice p. Cholina:* Du kursoj de S-ro J. Procházka. — *Olomouc:* Kursoj de S-roj Kudela kaj Neužil. — *Praha:* Parolo de S-ro Pitlik. Kurso de li al 60 skoltoj — *Tetschen-Bodenbach:* Sukcesa amuza vespero.

## Finnlando.

*Helsinki:* Kurso, ĉ. 25 p. — *Jalasjärvi:* Nova grupo. — *Tampere:* Festo, kurso. — *Viipuri:* La grupo sukcesis havigi al si propran oficejon kun ekspozicio ĉiutage malfermata al la publiko. 2 kursoj, ĉ. 120 p. En Viipuri okazos la 2—5 aprilo 1920 la sesa kongreso de Finnlandaj Esp-istoj. — Kursoj en *Mosabacka, Kelvä, Raumo, Oulu, Lathia.*

## Francio.

*Paris:* Sukcesa Zamenhof-festo kun parolo de S-ro Nels; kantoj, deklamoj, teatraĵeto. Por laboristoj festo ĉe la laborborso; pli ol 100 p. ĉeestis. Esp. kroniko en la gazetoj „La Paix organisée" kaj „Esope" (organo por la unuiĝo de ĉiulandaj intelektuloj). Artikolo de S-ro E. Adam en la komunista organo.

## Germanio.

*Berlin:* Granda propaganda vespero kun paroloj de S-roj Schiff, H. Nienkamp, Nicolai, Schmidt. — *Burgstädt:* Kurso, 17 p. Du aliaj en proksima Göppersdorf. — *Chemnitz:* Kurso, 12 p. — *Dresden:* Bela Zamenhof-vespero kun paroloj de S-roj D-ro Arnhold kaj v. Frenckel; deklamoj. Kursoj. — *Düsseldorf.* Kurso por infanoj, 53 l. — *Eilenburg:* Parolo de S-ro Voigt. — *Eisenach:* Kursoj. — *Gelsenkirchen:* Kurso de S-ro Klehr. — *Hannover:* Kursoj. — *Oppeln:* Propagando ĉe gimnazianoj. 3 kursoj (de S-roj Malerczyk, J. kaj E. Fethke).

## Hispanio.

*Baracaldo:* Zamenhof-festo, parolo de S-ro Limote. — *Barcelona:* Esperanta Festo de „Nova Sento", 800 p. ĉeestis. Kursoj. Ekspozicio. Parolo de S-ro F. Pujulà. — *Jeres de la Frontera:* Ĉiutagaj kunvenoj. Kurso, 25 p. Propagando per cirkuleroj.

## Hungario.

*Budapest:* Sukcesa Zamenhof-vespero; paroloj kaj deklamoj de S-roj K. de Kalocsay, P. Balkányi k. a. Nova grupo laborista. Du kursoj. Parolo de S-ro P. Balkányi. Kurso de S-ro J. Sturm. — *Szombathély:* Kurso de S-ro Izsó. Gazetartikoloj.

## Italio.

*Lasino:* Kurso de S-ro Biscaglia, 25 p. — *Lavis:* Nova grupo. *Milano:* Propaganda semajno okaze de vizito de D-ro Edm. Privat. S-ro P. parolis al la laboristoj ĉe Homara Domo, ĉe Popola Universitato (700 p.), ĉe Filologia Klubo en la ĉeesto de la direktoro de komercaj lernejoj kaj de la urba asesoro por instruado, kiu esprimis publikan aprobon. Gazeto „La Sera" presigis longan interviuvon pri UEA, „L'Avanti" la tekston de parolado. Aliaj artikoloj en la gazetaro. Nova entuziasmo vekiĝis por nia afero en multaj rondoj. — *Roma:* Nova grupo de junuloj. — *Trento:* Regiona kunveno de Esp-istoj el Rovereto, Vezzano, S. Michele, Stenico, k. t. p. Favoraj gazetartikoloj.

## Portugalio.

*Lisboa.* Gazet-artikolo de S-ro Carreira.

## Rusio.

Kelkaj samideanoj fine povis doni al ni letere kelkajn informojn pri Esp. en Rusio: *Moskvo:* Laŭ la oficiala komunista gazeto „Izvestija" de 16 kaj 17 januaro 1919, por la tuta Moskva Esp-istaro la registaro komunista disponigis grandan domon („Domo Esperanto", adr.: Moskvo, Arbat, Sivcev-Vraĵok 42). De la 6a ĝis la 9a vespere funkcias kursoj, gvidataj de nia konata sam-ano N. P. Evstifejev. La kursoj daŭras 1½ monaton. En Domo-Esperanto havas ejon: Moskva Esperantista Societo, Organiza Komitato de Tutruslanda Esperanto-Federacio, Moskva Unuiĝo de Junaj Esperantistoj, Centra Oficejo de Tutruslanda Unuiĝo de Junaj Esperantistoj kaj fine Esperanto-Kooperacio. Funkcias ankaŭ librovendejo kaj granda biblioteko, legoĉambro, klubo. Du ĵurnaloj estas eldonataj: „Oficiala Bulteno" kaj „Juna Mondo". En la Domo Esperanto prezentas grandan intereson la „Esperantista Labora Komunumo", kies ideo kaj celo estas realigi la devizon „Proletarioj ĉiulandaj unuiĝu". — *Odessa:* De 1916 la tiea Esp. societo perdis ĉian rilaton kun la cetera Esp-istaro, sed tamen ne ĉesis funkciadi dum tuta la milito kaj komunista registaro. — *Taganrog:* La nombro de la Esp-istoj kaj personoj vizitintaj kursojn dum la lastaj du jaroj superas 500. — Niaj Rusaj samideanoj estas dankindaj pro sia persista laboro. La estonto ebligu, ke denove ni povu regule rilati kun ili.

## Svedio.

*Stockholm:* Kurso de S-ro J. Johannsson.

## Svisio.

*Bern:* Regulaj grupkunsidoj. — *La Chaux-de-Fonds:* Artikoleto en loka gazeto. — *Genève:* Parolo de D-ro Edm. Privat ĉe Instituto J. J. Rousseau, en la ĉeesto de universitataj kaj pedagogaj eminentuloj. Kurso de S-ino Umanski. — *Wilderswil b. Interlaken:* S-ro Kiačko propagandas inter Rusaj militkaptitoj.

## Argentino.

*Santa-Fé:* Kurso, 22 p.

## Brazilo.

*Maranhào:* Kurso de S-ro Perdigào, 15 p.

## Kosta-Rico.

*Villa Colòn:* Parolo de S-ro M. Maldonado, gazetoj raportis.

## Meksiko.

*Mexico:* Kurso.

## Usono.

*San Francisco:* Parolo de Persa samideano, S-ro Mirzah Ahmed Zhoreb ĉe Bahaiistoj, ĉ. 60 p. „Journal of Electricity" havas artikolojn de S-ro W. R. Daingerfield.

# DIVERSAĴOJ

.˙. **Esperanto kaj komerco.** — *Francio:* La printempa kunveno de la Foiro en *Lyon* okazos de la 1 ĝis la 15 marto kaj prezentos pli ol 40 laŭprofesiajn grupojn, t. e. ekz.: hejtiloj, lumigiloj, ĥemiaĵoj, kuraciloj, ĥirurgiaj instrumentoj, teksaĵoj, vestaĵoj, mebloj, feloj, vitraĵoj, porcelanaĵoj, paperoj, presaĵoj, skribmaŝinoj, fotografiloj, aeroplanoj, aŭtomobiloj, bicikletoj, ĉasiloj, juveloj, horloĝoj, muzikiloj, dekoraciaĵoj, teĥnika kaj industria instruado, reklamado,

veturado kaj turismo, k. c. Ni rememorigas la devizon de la foiro: „Maksimuma negocado en minimuma spaco, dum minimuma tempo, per minimuma kosto.

Ĉiujn membrojn de UEA, kiuj intencas viziti la Foiron, ni petas, ke ili antaŭe informu la Lyon'an Del. pri siaj intencoj: ni faros ĉion eblan por faciligi kaj pliprofitigi iliajn entreprenojn. Ni esperas, ke UEA havos propagandan ekspozicion en budo de la grupo 52 (turismo) sur la fama placo Bellecour. Ni petas, ke ĉiuj Esp. komercistoj kaj industriistoj sendu al ni po du ekzempleroj de siaj Esp. katalogoj kaj prospektoj (kiuj estos senpage elmontrataj). Ni ankaŭ danke ricevos Esp. gvidlibrojn kaj provizojn da nacilingvaj (precipe Francaj) disdonotaj reklamiloj. Sur la reklamiloj la firmoj informu, ke ili uzas Esperanton kaj UEA. Kunveno de UEA okazos vendredon 12 marto vespere, por akcepti la fremdajn Esp-istojn. La Lyona Delegitaro (en la Esp. Oficejo, 36, rue Victor Hugo, interetaĝo) kontraŭ respondkupono senpage donas informojn pri la Foiro. — *L. P.*

En *Parizo* fondiĝis „Universala Komerca Muzeo" (3, rue Chaillot, Paris 15), kies celo estas plifaciligi la internaciajn komercajn rilatojn per aranĝo de konstanta specimenfoiro. En la konstruaĵo difinita por la specimenfoiro ekzistas ankaŭ aparta komerca Esperanto-Oficejo. Informojn donas: S-ro Léon Méras, 1, rue de Cronstadt, Courbevoie (Seine).

.·. **Esperanto kaj kongresoj.** — La 6a Brazila Kongreso de Geografio, kunveninta en septembro lasta, en Bello Horisonto, aprobis unuanime proponon, per kiu ĝi montris sian simpation al Esp. kaj rekomendis, ke oni traduku Esperanten la publikigaĵojn pri Brazilo.

.·. **Esperanto kaj literaturo.** — S-ro D-ro Blassberg, en Krakovo, tradukas el Germana lingvo la verkon de la Viena nervkuracisto Alfred Adler „Pri la nerveca karaktero". — S-ro Miloš Lukáš tradukas, kun la permeso de la aŭtoro, la romanon „Děti neklidu" (Infanoj de maltrankvilo), de Jan Havlasa, unu el la plej bonaj modernaj verkistoj Ĉeĥaj.

Ni petas la personojn, kiuj tradukas verkon, ke ili tion konigu al ni por publikigi, kaj tiamaniere eviti, ke aliaj entreprenu la saman laboron.

## TRA LA GAZETARO

.·. *„Bulteno de la Kataluna Esperanta Federacio"* (sept.-okt. enhavas raporton pri la VIIIa kongreso de la Kataluna Esp. Federacio, kun represo de la bela malferma parolado de S-ro Mariàn Solà.

.·. *„Esperanto Monthly"* (dec.) prezentas en sia lasta numero longan, informoriĉan artikolon de S-ro J. Ŝapiro pri „Bialystok, la naskiĝurbo de D-ro Zamenhof". Tri fotografaĵoj speciale faritaj montras: la grandan bazaran straton, la straton de Zamenhof kaj la domon, en kiu naskiĝis D-ro Zamenhof, malgrandan lignan domon kun interesa arĥitekturo. Estas dezirinde, ke tiuj bildoj, ekzemple en formo de poŝtkartoj, estu konigataj al la Esperantista publiko. — Al la samideanoj, kiuj dum sep jaroj dediĉis siajn fortojn al la eldonado de la nun malaperanta „Esperanto Monthly" ni esprimas nian danksenton pro ilia bonega laborado. Sekve de la altiĝo de la preskostoj, la gazeto kombiniĝis kun *„British Esperantist"*, kiu de januaro 1920 aperas kun pli granda nombro da paĝoj. (Abono: 5 ŝilingoj.)

.·. *„Germana Esperantisto"* (nov.-dec.) dum 1920 aperos en sole unu eldono. La lasta numero enhavas interalie detalajn, gvidajn informojn por la kunlaborantoj al la starigota kompleta vortaro Germana-Esperanta.

.·. *„Hispana Esperantisto"* (okt.), bele eldonita, kun bildoj kaj valoraj literaturaĵoj (Hinda poemo).

.·. *„Hungara Esperantisto"* (dec.), kun bildo de † D-ro Simonyi, prezentas rimarkindajn versaĵojn de S-ro K. de Kalocsay.

.·. *„Literaturo"* (okt.-dec.) daŭrigas la publikigon de interesa traduko de Shakespeare'a „Sonĝo de someromeza nokto" kaj gastigas klarigan legindan artikolon de S-ro Bernard Long pri la Fundamento.

.·. *„Oficiala Gazeto"* (okt.) konsistas tute el raporto pri Esperantista konferenco okazinta en Parizo (21—25 sept. 1919), ĉe kiu ĉeestis reprezentantoj de B. E. A. kaj de Parizaj Esp. organizaĵoj. Estis akceptitaj diversaj deziresprimoj pri la reorganizo de la internacia movado, relaborigo de la L. K., k. t. p.

.·. *„Le Travailleur Espérantiste"* (dec.-jan.) en vigla stilo klopodas reveki nian movadon en Francio, precipe inter laboristoj. Al junaj internaciistoj ĝi vokas: „Lernu Esperanton, korespondu kun alilandaj kamaradoj, kaj ĉesu esti fremdaj unu kontraŭ la alia". Gazeta kurso Franclingva. Esperantigoj el verkoj de H. Barbusse, k. t. p. Tre vivplena.

Novaj gazetoj:

.·. *„Bulgara Esperantisto"*, organo de la Bulgara Esp. Societo, monata. Jara abono: por Bulgario 20 leva, por eksterlando 12.50 Fr. Formato: 16 × 24 cm. 12 p. Adr.: Pl. „Sveta Nedelja" 6, Sofia. La Bulgaraj Esperantistoj estas tre entreprenemaj. Konate estas, ke en ilia lando aperis la unua ilustrita Esp. gazeto „Rondiranto", post kiu naskiĝis kaj mortis vico da aliaj. Jen ili sin prezentas kun nova, kiu esperebie daŭros pli longe. Laŭ la numero 3a (sept.), la sola de ni ricevita, la organo de la B. E. S. faras simpatian impreson. Redaktata en Bulgara kaj Esperanto, ĝi donas utilajn propagandajn artikolojn, Esp. legaĵojn, kronikon de la movado „Tra la mondo" kaj „Tra Bulgario". Tamen de lingva kaj stila vidpunkto ŝajnas, ke ĝiaj redaktantoj estas ankoraŭ tre junaj Esp-istoj, aŭ ke pro la milito ili multon forgesis, kaj ne praktikas la lingvon. Al la nova „Bulgara Esp.", kiu devus esti daŭrigo de la malnova (de 1907), ni deziras bonan ŝancon!

.·. *„Esperanta Finnlando"*. Organo de Esp. Asocio de Finnlando. Monata. Nova serio. Jara abono: 30 respondkuponoj. Formato: 23 × 16, 32 p. Adr.: Esp.-Oficejo, Kauppiask II, Helsinki. Redaktoro: Vilho Setälä. — Ni ricevis la unuan numeron en nova, bela eldono. La apero de tiu ĉi gazeto kaŭzos ĝojon al ĉiuj Esp-istoj. Ĝi estas efektive tute bona laŭ ĉiuj vidpunktoj: ĉarmaj fotografaj vidaĵoj el Finna lando, bongusta aranĝo, geografiaj artikoloj en plej bona stilo, versaj kaj prozaj tradukoj, biografiaj notoj pri Finnaj eminentuloj, konkurso. Niaj Finnaj samideanoj trafis la ĝustan vojon: ilia gazeto havas tre nacian karakteron, kaj tamen prezentas intereson por legantaro tute internacia. Finnlando estas regiono alloga kaj ĉarmoplena. Kiu deziras spirite fari vojaĝon tie, kaj sin senti meze de ties simpatiaj loĝantoj, tiu tuj abonu „Esperanta Finnlando".

.·. *„Esperanta Itala Revuo"* (nov.). Oficiala organo de la Itala Esp. Federacio. Jara abono, ekster Italio: Fr. 5. Formato: 24 × 17 cm, 16-paĝa. Adr.: 12, via S. M. Fulcorina, Milano. — E. I. R. daŭrigas la momente malaperintan „Itala Esperantisto". Bonan propagandan efikon havos kredeble la aranĝo de la teksto laŭ du paralelaj kolonoj, Itala kaj Esperanta. Rekomendinda precipe al ĉiu Itala samideano.

.·. *„La Esperantisto"* (sept. kaj dec.; mankas al ni numeroj 2 kaj 3). Jara abono: 4 respondkuponoj. Formato: 42 × 29, 4 p. Adr.: Postamt 34, Wien II/I. Redaktoro: D-ro Ardante Popolan. Unu el la plej interesaj Esp. gazetoj, dediĉita precipe al la disvastigo de la interna ideo de Esperanto, enhavas sociajn kaj religiajn studojn, bonajn literaturaĵojn en prozo kaj en versoj; plaĉa eldono. Ni deziras al ĝi disvastiĝon kaj longan vivon.

.·. *„Komerco per Esperanto"* (dec.). Oficiala gazeto de „Komerco kaj Industrio per Esp." Jara abono: Fr. 2.50. Formato: 22 × 17. 8 paĝa, hektografita. Adr.: 9, Bd. Voltaire, Issy (Seine, Francio). Interalie raportas pri la Lyon'a foiro.

.·. *„La Kritikulo"* (nov.), internacia flugfolio. Formato: 31 × 47, unufolia. Eldonanto S-ro Theo Jacobsen, Stozzistr. 40/16, Wien VIII, tri numeroj ĉiumonate, sur ruĝa papero (?); raportas precipe pri lokaj okazintaĵoj.

∴ *„Nova Tempo"*. Internacia monata revuo por komunaj kulturlaboroj kaj mondrilatoj, daŭrigas la estintan „German-Aŭstria Esperantisto". Jara abono: 15 Kr. Formato: 30 × 23, 24 p. Red.: Tuchlauben 18, Wien. — Parte Germanlingva, precipe Esperanta, kun ilustraĵoj. La artikoloj pritraktas ĉefe la Esperantan vivon. Krom tio: mallongaj biografioj pri eminentaj sciencistoj, naturstudoj, literaturaĵoj, kroniko, k. t. p. La stilo estas laŭfundamenta kaj bona.

∴ *„Universo"*. Organo de la internacia klubo „Universo". Jara abono kun adresaro kaj membriĝo: 5 M. Formato 14 × 22 cm. Adr.: Dietramzellerstrasse 10/II r., München S. 50, Germanio. — La klubo kaj ĝia organo celas plifaciligi la interrilatojn de kolektantoj kaj korespondantoj. Bonan ŝancon!

Aliaj gazetoj ricevitaj:

*„Amerika Esperantisto"* (okt.). *„Antaŭen"* (okt., nov., dec.). *„Argentina Esperantisto"* (dec.). *„Brazila Esperantisto"* (julio-sept.). *„British Esperantist"* (dec.). *„Deutscher Arbeiter Esperantist"* (jan.). *„Esperanto"* de Bahia Blanca (nov.). *„Esperanto-Praktiko"* (dec., jan.). *„La Espero"* (nov., dec.). *„German-Pola Esperantisto"* (dec.). *„Nederland-Esperanto"* (n-oj 49 ĝis 65). *„Holanda Pioniro"* (nov.-dec.). *„Nederlanda Katoliko"* (nov., dec.). *„Progreso"*, Ĉeĥoslovaka (okt., nov.). *„Progreso"*, Germana (okt.). *„Svisa Espero"* (dec.). *„Unuigita Tuthomaro"* (okt., nov., dec.). *„Internacia Komerca Revuo"* (nov.). *„Fluganta Skribilo"* (Stenografa gazeto, kun humoraj desegnaĵoj: okt., dec., jan.). *„Nia Folieto"* (sept., okt., nov., dec.).

*W. P.*

## TRA LA LIBRARO

**La Botistoj.** *Komedio en kvin aktoj* de *Aleksis Kivi*. Permesite tradukis *Hilma Hall*. Finna Biblioteko Esperanta N-ro 2. Eldona Akcia Societo Otava, Helsingfors, Finnlando. 142 paĝoj, 13 × 19 cm. Prezo: ne montrita.

Ankaŭ en malproksima norda lando kreskas diversspecaj literaturaj arboj, kaj bonodora floro de l' gaja komedia trunko, dank' al Esperanta traduko, alportos sian parfumon kaj plezuron al malproksimaj hejmoj. Multaj paĝoj el La Botistoj elŝprucigos la ridon de l' legantoj; amuzaj cirkonstancoj, komikaj respondoj, simpleco de l' vilaĝaj moroj, stulteco de edziĝonta filo, avareco kaj koleremo de lia patrino, laŭbibliaj admonoj de l' patro, ĉio tio, kun moka sed tamen amema sento, donas ĝustan ideon pri antaŭa kampula naiva kaj kvieta vivo, nun malfeliĉe ĉie malaperanta.

Kelkajn plezurrapidajn horojn ĝuos niaj samideanoj per tiu verko, kaj ili refoje miros kiel belsona, flua, klara kaj fleksebla estas ilia komprenigilo en la mano de sperta tradukisto. Multaj taŭgaj proverboj estas dirataj de la personoj, kaj estus kolektindaj, ĉar diversnacia aforismaro estas ĉiam interesa.

— „Sub severa postulo eĉ virbesto naskas.

— Pli bone estas sub gutanta tegmenta defluilo ol unuigita kun malbona virino.

— La afero fiksiĝis kiel peĉo ĉe gudro, kiel kato ĉe freŝa lakto.

— Silentu kiel perko sur ŝtono.

— Li ne komprenas arton pli ol porko arĝentan kuleron."

En la tuta sufiĉe ampleksa prozaĵo oni preskaŭ vane serĉas pres- aŭ lingveraron; ĉu unua aŭ duaspeca estas: „Ni atendas Esko'n kun sia edzino". Kelkaj parolturnoj iom surprizas; ekzemple uzo de „por ke" en frazoj kiel: „Estu danka por ke vi prosperis eliri. — Kiu estas kulpa por ke ni deflankiĝis", aŭ de „kredi sin": „Ili kredis sin trovintaj trezoron. — Mi kredas min esti gasto."

Se ĉiu Esperanta aperanta verko ne meritus pli gravan riproĉon, baldaŭ elĉerpiĝus la kolekto da laŭdesprimoj disponebla de recenzanto. Kaj se Finna Biblioteko Esperanta estas kiel ĝis nun daŭrigota, ĝi certe pro envio aŭ konkuremo instigos alilandajn tradukontojn.

**Du sudslavaj popolfabeloj.** Laŭ memoro rerakontis *St. Tomić*. Eldono de Esperanto-Oficejo, Librejo Zaklinčić, Zagreb, 32 paĝoj, $9^{1}/_{2}$ × $13^{1}/_{2}$ cm. Prezo: 2 kronoj.

Jam riĉa estas la Esperanta kolekto de ĉiulandaj fabeloj, ĝi iam ebligos interesajn komparojn. Tute indaj je siaj antaŭaj similaĵoj kaj vere fabelaj estas la du rakontoj „Usud" kaj „Ĉevalbirdo".

La malbonŝanculo de la unua reakiras la sortfavoron pere de iu feliĉiga orharulino; la ĉevalbirdo de l'dua rekondukas la reĝidon, post mirigaj aventuroj, al lia ravita edzino. La lertan stilon kaj seneraran lingvon de l'aŭtoro plezure ĝuos ĉiu leganto.

**Por la rajto de German-Aŭstrujo.** 18 paĝoj, 15 × 23 cm. Prezo: 1 k. = 50 pf. (Senpage sendata al eksterlandaj Esperantistoj de „Propagandastelle für Deutschösterreichs Recht", Herrengasse 7, Wien 1.)

Ne konvenas, ke ni ĉi tie justigu aŭ malpravigu la argumentojn de tiu nova politika pledado. Sufiĉos se ni plezure konstatas, unu fojon pli, ke Esperanto estas uzata en sciencaj verkoj por defendi nacian rajton. Ni ankaŭ esperu, ke baldaŭ la kontraŭaj akraj postuloj de diversaj partioj estos kvietigitaj per decidoj kiel eble plej konformaj al la volo de l' popoloj, kaj ke pacaj rilatoj iom post iom forigos la ankoraŭ regantajn superecemojn.

*G. S.*

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco de nacieco, raso aŭ lingvo. Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon de fremdaj popoloj. Disvastigi la uzadon de la lingvo Esperanto. Krei internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj kaj entreprenoj, kies interesoj celas trans la limoj de ilia genta aŭ lingva teritorio. — UEA kunigas ĉiujn samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron (aperos en printempo 1920).*

**Kotizaĵoj:** Membro: *5 Fr. Svisaj. (Belgio kaj Francio: 6 Fr. Britio: 4 sh. Germanio: 12 Mk. Hispanio: 5 Pes. Italio: 7 L. Nederlando: 2.50 Guld. Skandinavio: 3.50 Kr. Finnlando: 10 F. M. Aŭstrio kaj Hungario: 30 Kr. Ĉeĥoslovakio: 12 Kr. Jugoslavio: 20 Kr. Bulgario: 15 Lev. Polio: 12 Mk. Usono: 1 Doll.)*

Membro-Abonanto *(ricevas la gazeton): 12.50 Fr. Svisaj. (Belgio kaj Francio: 15 Fr. Britio: 10 sh. Germanio: 30 Mk. Hispanio: 12.50 Pes. Italio: 17.50 L. Nederlando: 6.25 Guld. Skandinavio: 8.75 Kr. Finnlando: 25 F. M. Aŭstrio kaj Hungario: 75 Kr. Ĉeĥoslovakio: 30 Kr. Jugoslavio: 50 Kr. Bulgario: 37.50 Lev. Polio: 30 Mk. Usono: 2.50 Doll.)*

Membro-Subtenanto *(ricevas la gazeton): 25 Fr. Svisaj. (Naciaj prezoj: duoble pli ol membro-abonanto.)*

Membro dumviva *(kun la gazeto): 300 Fr. Svisaj.*

Esperantia Entrepreno *(komercaj firmoj, societoj, k. t. p.): 12.50 Fr. Svisaj. (Naciaj prezoj: same kiel membro-abonanto.) La Entreprenoj rajtas presigi 40-vortan anoncon en la Jarlibro.*

**Centra Oficejo:** *Museumsstrasse 14, Bern (Svisio). — Bankkonto: Handelsbank (Banque Commerciale), Bern. — Poŝtĉeko: III 2600.*

**Al la Delegitoj.** — Nova numero de *„Oficiala Bulteno"* aperos komence de februaro kaj estos sendata al ĉiuj Delegitoj kun statistika demandaro pri la jaro 1919.

Post la 31 januaro senpagaj anoncetoj por la Jarlibro ne plu estas akceptataj. Pagitaj anoncoj kaj Entreprenaj anoncotekstoj estas ankoraŭ sendeblaj ĝis la 29 februaro, tute *lasta* templimo.

**Garantia Kapitalo.**

*Listo de garantiantoj* (Dua parto)

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 8625 |
| Jena garantianto akiris duan ateston | |
| 70. S-ro D-ro F. Moser, Rüegsau (Svisio) . . . . . . | 100 |
| Frankoj | 8725 |

**Al la ĝisnunaj garantiantoj, kiuj do havas jam unu ateston je 125 Fr., ni volonte elvendos la restantajn atestojn de la ĝisnuna serio por la rabatprezo de 100 Fr., Svisa valoro.** Atestoj de la nova serio estas akireblaj je 300 Fr., Svisa valoro.

**Subtenantaj membroj.**

*Dua listo:*

3. W. Goltermann, Buer i. W. (Germanio). — 4. F. Cesarini, Potenza (Italio). — 5. M. Schafroth, Burgdorf (Svisio). — 6. E. Garcia, Madrid. — 7. W. Pratt, Grange o. Sands (Anglio). — 8. W. Matthey, Le Locle (Svisio). — 9. T. Allan, Montreal. — 10. T. Wright, Worthing (Anglio). — 11. A. Bowker, Sheffield. — 12. S-ino Tiard, Paris. — 13. A. de Vries, Vlaardingen (Nederlando). — 14. L. Méras, Courbevoie (Francio). — 15. J. Renaud, Cancon (Francio). — 16. R. Macfarlane, Port Glasgow (Anglio). — 17. E. Müller, Zürich.

**Kotizajoj por 1920.** — Je la 31 decembro estis enkasigitaj 377 kotizaĵoj (el kiuj 123 membroj, 237 membroj-abonantoj kaj 17 subtenantoj). Krom tio estas 217 dumvivaj membroj. Sume: 594. — *Esperantiaj Entreprenoj*: 25.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato decembro:

Ricevitaj: 786. — Forsenditaj: 3019. — Tuta sumo: 3805. (Antaŭa monato: 1945.)

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en la jenaj lokoj:

*Alagoinhas* (Brazilo, Bahia). — D.: S-ro Carlos de Souza Cunha, juĝeja skribisto, r. 24 de Fevereiro 14.

*Horní Růžodol* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Jan Haase, fervojoficisto, Měštanská ul. 72.

*Konstantinopolo* (Turkio). — D.: S-ro D-ro Anakréon Stamatiadis, saneca inspektoro, Tépé-Bachi, 59, Péra.

*Pamplona* (Hispanio, Navarra). — D.: S-ro Fermin Aldaz, komercisto, 11, Ciudadela.

*Stolat* (Bulgario, Sevlievo). — D.: S-ro Ĥristo D. Sabev, instruisto.

*S. Bonifacio* (Italio, Verona). — D.: S-ro Amerigo Reni, Stazione tram elettrico.

*San José* (Usono, Cal.). — D.: S-ro H. S. Lane, elektra inĝeniero, 406 S., 10th Str.

*Tallinn* (Estonio). — D.: F-ino Helmi Drezen, W. Brookusmägi 4—2.

*Udine* (Italio, Friuli-Veneto). — D.: S-ro Giovanni Della Savia, 11, via di Toppo.

*Vendrell* (Hispanio, Tarragona). — D.: S-ro F. Guitart Jené, komercisto, 7, plaza Doctor Murillo.

*Worcester* (Anglio). — D.: S-ro H. C. Davis, instruisto, Nelson Villa, 37, Sunnyside Rd.

Ŝanĝo:

*Budapest* (Hungario). — D.: S-ro Pál Balkányi, oficisto, VI. Hajós utca 15/II. — VD.: S-ro Mór Bihari, oficisto, VIII, Népszinház u. 27. IV. 31.

Provizore ne plu estas Delegitoj en jenaj lokoj: *Cromer* (Anglio); *Gland* (Svisio); *Seifhennersdorf* (Germanio); *Verona* (Italio).

# Esperantista Parolejo

## Ĉu ili estas kulpaj?

En ĉiuj militintaj ŝtatoj oni serĉas tiujn, kiuj estas kulpaj pri la malfeliĉo, la mizero, sekvintaj la militon. Ne nia afero estas, esplori la akuzojn; tion faru la politikuloj. Sed prave ni povas eldiri, ke ili, kiuj pleje suferas, estas certe senkulpaj: la *infanoj*, precipe tiuj en la landoj mezeŭropaj, ekonomie venkitaj, rompitaj. Ili, la pleje sed senkulpe punitaj de la sorto, niaj infanoj, perdintaj la patron, havantaj malsanan patrinon nekapablan perlabori la plej necesajn ekzistrimedojn, ili ja ne scias kiel plenaĝuloj heroe elteni la mizeron!

Ili deziras vesti sin kontraŭ la malvarmego, ili volas dormi en litoto sole, ili petegas manĝaĵojn por satiĝi. Anstataŭ tio ili malhavas la plej necesajn vestaĵojn, ili loĝas multope sur putriĝinta pajlo en nehejteblaj keloj, ili matene leviĝante ne scias, ĉu oni donacos al ili paneron dum la tago — amase ili mortas pro malvarmo, malsano, malsato!

Imagu nudpiedan ĝemantan infaneton. Pro glacia vento tremante li staras en pordega niĉo, etendas el disŝiritaj manikoj al vi frostiĝintajn manetojn, kaj senvorte per malespera gesto petas de vi helpon: ĉu kompate via koro ne kuntiriĝas, viaj okuloj ne pleniĝas per larmoj, via mano ne serĉas la monujon? — Sed por kio helpas mono! Oni nenion ja povas aĉeti per ĝi, ĉar aŭ la plej necesaĵoj ne ekzistas, aŭ estas nepageblaj per almozo.

Pro la interna ideo de Esperanto, nur bonaj homoj estas veraj Esperantistoj. Al ili ni dediĉas tiujn ĉi liniojn. Ili povas helpi, ili helpos!

La eksterlando, precipe la neŭtrala, jam gastigis ĉe si multajn infanojn el la Aŭstria ĉefurbo, Wien, kiuj ja efektive estas plej bedaŭrindaj. Sed ankaŭ tiuj el la Aŭstria provinco Stirio, montara lando kun malmulte da agrikulturo, precipe tiuj el ĝia ĉefurbo, *Graz*, industria urbo kun 200,000 enloĝantoj, sopiras ĝui almenaŭ por kelkaj semajnoj vivon en pli bonaj cirkonstancoj. Tial la „Esperanto-Societo por Stirio“ petegas:

Esperantistaj societoj kaj grupoj: 1e Demandu viajn anojn, ĉu ili konsentus gastigi ĉe si por kelkaj printempaj aŭ someraj semajnoj tiajn malfeliĉajn infanojn 8- ĝis 14-jarajn el nia urbo senpage; skribu al ni, kiom da knaboj kaj knabinoj povus ĝui ĉe ili homindan restadon, kaj kiam ni povus konduki ilin for de la mizero. 2e Anoj, kiuj mem ne povas akcepti en sia hejmo infanojn, ankaŭ povas helpi nian aferon, oferante kelkajn monerojn por certigi la kostojn de l' preparo, vojaĝo, dumvoja nutrado kaj akompano. Mondonacojn aŭ almenaŭ promesojn vi bonvolu kolekti por ni kaj konservi, ĝis ni sciigos vin en okazo de bezono, kien vi sendu la sumon. Estas projektite, destini Svisan bankon por tiu ĉi celo.

Ricevinte inviton, ni komunikos ĝin al la urbestraro, kiu elserĉos la plej indajn infanojn kaj prizorgos la vojaĝon. Antaŭ la forveturo ili devos lerni Esperanton, tiel ke ili povu interbabili kun malsamlingvaj gastigantoj. Akompananto certe trovos okazon, fari ĉe vi paroladojn en Esperanto, tradukotajn en nacian lingvon, pri la ekonomia situacio de Aŭstrio.

Eble vi sukcesos interesigi ankaŭ ne-Esperantistojn pri nia „Porinfana Helpo“. La tuta afero servos unue la malgrandulojn, due la propagandon de Esperanto, montrante, ke Esperanto ne estas utopio, kaj la Esperantistoj ne *nur* idealistoj aŭ *nur* komercistoj, sed antaŭ ĉio homamantoj.

Duoble donas, kiu rapide donas! Tial ne hezitu serioze pripensi nian petegon!

„Esperanto-Asocio por Stirio“:

*Karlo Bartel*, sekretario. D-ro *Vilhelmo E. Dietl*, prezidanto.

*Frederiko Krejĉi*, Prof. h. c. de Esp.; Del. de UEA.

## Interesa iniciato

En Budapest okazis jam kvar Esp-aj „Literaturaj Vesperoj“. En unu oni legis ĉefe tradukojn de Hungaraj popolaj baladoj; la dua estis dediĉita ekskluzive al Finnlando; la tria konsistis el verkoj de la originala Esperanta poezio; la kvara okazis je la memoro de D-ro Zamenhof.

Samideanoj, imitu! Aranĝu literaturajn vesperojn! Ne ĉiu grupo

havas la bonŝancon de la Budapesta posedi inter siaj membroj tradukiston tiel lertan, kiel S-ro Kalocsay. Sed da jam faritaj tradukoj ekzistas en nia literaturo sufiĉege por fari valoran elekton. „Fundamenta Krestomatio" sola prezentas jam tre riĉan materialon. Ĉerpu el ĝi!

*W. P.*

## Oni laŭdas!

∴ S-ro *Oscar Bünemann*, membro el Hamburg, kore dankas al S-ro Paul Nylén kaj al la Stockholmaj samideanoj, kiuj afable helpis lin dum lia vizito.

∴ S-ro *Hans Fricke*, Del. en Frankfurt a. M., kore dankas S-ron Vermaas, Del. en Rotterdam, pro plenumita servo pri malaperinta parenco.

∴ S-ro *Marev*, Del. en Plovdiv, dankas S-ron Hans Tressel, Del. en München, pro plenumo de informpeto.

∴ S-ro *N. Ognjanov*, Del. en Lidjene (Bulgario), sincere dankas la Del. de St. Gallen, S-ron H. Kürsteiner, kaj de Yverdon, S-ron H. Hoog, pro informoj al li donitaj.

∴ S-ro *J. Pech*, el Plzeň, koregе dankas al gesamideanoj en Ružomberok pro zorgoplena aranĝo okaze de parolado de li farita.

## Oni petas!

∴ *Al instruistoj!* — Por havigi al si riĉan observ-materialon kaj per komparado studi la infanan psikologion, kelkaj geinstruistoj en Olomouc (Ĉeĥoslovakio) deziras kun fremdlandaj kolegoj aranĝi interŝanĝon de infanaj desegnaĵoj, ornamaĵoj, ludiloj, bildoj por instruado, kaj aliaj samfakaj objektoj. Per la interŝanĝitaj objektoj oni povus interesi ceterajn instruistajn rondojn al Esperanto! Sin turni al: S-ro Neužil Albin, lernejestro, Olomouc-Neredin (Ĉeĥoslovakio).

∴ *Al skoltoj!* — Ĉiuj Esp. skoltoj kaj skoltestroj, kiuj deziras korespondi kun Ĉeĥoslovakaj skoltoj, estas petataj sciigi sian adreson kaj aĝon al: Aug. Pitlik, oficisto de fremdula ofico ĉe komercoministro, Nerudova 40, Praha III. Eksterlandaj Esp. gazetoj bonvolu represi!

∴ *Al Gabelsberger-stenografistoj!* — Bonvolu sendi al mi informojn pri la disvastiĝo de la Gabelsberger'a stenografi-sistemo en aliaj landoj. Mi deziras en Itala verketo doni informojn pri la praktika uzado de nia sistemo en Esp. kaj en diversaj lingvoj naciaj. Adr.: Giov. Marchetti, Del. de UEA, 19, Via S. Maria Madd., II. p., Trento (Italio).

∴ *Svisaj samideanoj*, kiuj intencas partopreni la XIIan kongreson en Hago, estas petataj sendi sian adreson al la C. O. de UEA por eventuala aranĝo de komuna vojaĝo sur Rejno ĝis Nederlando.

∴ *Grupoj dezirantaj aranĝi Esp.-ekspozicion* turnu sin al la grupo Chemnitz (p. a. S-ro D-ro T. Wicke, Kassbergstr. 40/I, Chemnitz, Germanio), kiu, aranĝinte mem antaŭ kelka tempo sukcesan ekspozicion, estas nun preta helpi per informo-donado, sendado de adresoj, materialo, k. t. p.

---

# Esperantista Vivo

**Naskiĝoj.** — Al Ges-roj *Haase-Meister*, Del. de UEA, en Olten (Svisio), naskiĝis filo.

Al Ges-roj *Sklenčka*, Del. de UEA, en Hradec-Králové (Ĉeĥoslovakio), naskiĝis filo.

**Fianĉiĝo.** — S-ro *Reinhold Grabsch*, Laborista Grupo Berlin, kun F-ino *Herta Burda* (Loka grupo de G. L. E. A.).

**Edziĝoj.** — F-ino *S. Robin*, filino de D-ro W. Robin, eksredaktoro de la „Kuracisto" en Varsovio, kun S-ro *J. H. Glückman*.

S-ro *Lucien Deniau*, en Mondoubleau (Loir-et-Cher, Francio), kun F-ino *Bardet*.

S-ro *Marcel Génermont*, antaŭa Del. en Paris, nun en Moulins (Francio), kun F-ino *Duzan*.

S-ro *Hans Jakob*, sekretario de la C. O. de UEA, kun F-ino *Hanna Notz*, sekretariino de la Esperanto-Societo, Bern.

S-ino *A. Hrdinová*, Del. en Příbram (Ĉeĥoslovakio), kun S-ro inĝ. *Černohorský*.

S-ro *Johannes Grüntal*, Del. en Hapsal (Estonio), kun F-ino *H. J. Zints*.

S-ro *Kristian Örn*, Del. en Enköping (Svedio), kun F-ino *Gullan Svensson*.

S-ro *Gustave Thom*, Del. de UEA, en Montbéliard (Francio), kun F-ino *Louise Ramel*.

**Honorigo.** — S-ro *W. de Lerber*, Prof. en Lausanne, membro de UEA, ricevis de la Universitato Fribourg la titolon doktoro. Ni kore gratulas!

---

# Niaj Mortintoj

Kun bedaŭro ni ricevis la informon pri la morto de la jenaj samideanoj:

**Charles Bégel,** help-sekretario de la Esp. Grupo de Lyon, Vicdel. de UEA. Li estis profesoro ĉe la liceo Ampère, kaj de unu jaro pensiita; 64-jara. En 1902, post parolado de Rektoro Boirac, li fondis la Esp. Grupon de Lyon kun neforgesata D-ro Dor, kun Prof. Cohendy, Prof. Offret, F-ino Zabilon d'Her. De tiam li ne ĉesis konstante labori por nia propagando, sed ĉiam modeste, tiel modeste, ke li ne akceptis pli enviindan oficon en la Grupo kaj neniam aperis lia nomo. Pripensema, obstina, plej fidinda, ĉion scianta pri la Esp. movado, li ĉiam donis utilajn konsilojn por la propagando. De 1912, kiel Vicdel. de UEA li faris gravajn servojn al la Lyon'a Delegitaro, en kiu dum la tuta milito li laboris sola kun S-ino Farges, interalie por organizi propagandan ekspozicion de UEA ĉe la Foiro de Lyon. Eĉ dum sia lasta malsano, kies suferoj lin senĉese kruele turmentis, li pensis nur pri Esperanto: Esperantistoj estis lia sola familio. Lia morto estas nekompensebla perdo por nia movado en Lyon. La Grupo de Lyon kaj UEA ornamis per funebraj kronoj lian tombon, apud kiu Prof. Offret emocie memorigis liajn meritojn.

*L. P.*

**François Roy,** el Grenoble (Francio), mortis sekve de ĥirurgia operacio. De dek jaroj Vicdel. de UEA, lia sindonemo kaj agemo estis tiel grandaj kiel lia modesteco. Lernejdirektoro li sukcesis favorigi siajn superulojn al nia afero, dank' al kio li povis instrui multajn geinstruistojn, kaj, poste, krei en la urbaj lernejoj kursojn sekvitajn de miloj da geinfanoj, kiuj, jarfine, post ekzameno, ricevis premiojn donacitajn de la urbkonsilantaro. Emeritigite, li ne ripozis, sed dediĉis sian tempon al reliefaj kartoj pri la Rodana baseno, veraj ĉefverkoj, kaj al la propagando por UEA, kies utilecon li vidis tuj de la komenco. Al li ni ŝuldas la belan gvidlibron pri „Dauphiné", eldonitan de la Iniciata Sindikato. Ĉiuj, kiuj lin konis en la kongresoj, kaj la multaj fremduloj, al kiuj li faris servojn, komprenos, kiom granda estas lia perdo por la Esp. Grupo, kies kreinto kaj sekretario li estis. Ĉiuj partoprenos en la doloro de lia vidvino kaj kunlaborantino.

**T. Gibson,** el Worthing (Angl.) fervora Esperantisto, membro de UEA kaj B. E. A., mortis je la 5 decembro. Sur lian tombon oni metis verdan stelon, kun la vortoj „Ĝis la revido".

**Sinjorino Wartmann,** el Genève, membro de la grupo „La Stelo" kaj de UEA. Malgraŭ sia granda aĝo ŝi regule vizitis la kunvenojn de la grupo. Ŝia fideleco al Esperanto estis modela. Ŝi ĉeestis preskaŭ ĉiujn universalajn kongresojn.

**S-ro Bassille,** membro de UEA en Parizo, mortis sur la batalkampo en 1916, laŭ informo laste ricevita.

# Esperantista Literatura Asocio

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

*Februara raporto*

Kun firma volo kaj per freŝaj vortoj E. L. A. nun rekomencu sian laboron. Pli proksima ol multaj kredas, estas la momento, kiam la ligo de l' popoloj elektos internacian helplingvon. Ĉi tio estos la „decida hor'", pri kiu nia majstro parolis. Nenia dubo ekzistas, ke oni ne elektos iun ajn nacian lingvon, sed ke nur artefarita lingvo estas taŭga, kaj el la diversaj proponoj, nur tiu, kiu ne permesas ŝanĝojn, kiu havas firman netuŝeblan bazon. En nia regularo sin trovas la grava, ordona kaj deviga vorto: Fideleco al la Fundamento. *Fundamento* estas la nomo de libro, eldonita en la jaro 1905, enhavanta la 16 regulojn de nia gramatiko, ekzercaron kaj vortaron. Estas dezirinde, ke tiu libro ĉiam denove estu presata, por ke oni ĝin povu prezenti al la registaroj en la venonta decida horo.

Sed ni ne forgesu, ke ĉefafero estas la 16 reguloj. En la Fundamento ili sin trovas en kvin Eŭropaj lingvoj; troveblaj ili ankaŭ estas en la Fundamenta Krestomatio (1903), paĝoj 254 kaj 255, tie kompreneble ili estas prezentitaj en Esperanto. Nur du paĝojn tiu ĉi ĝermo bezonas. Pravega estas nia postulo, ke oni ne arbitre tuŝu kaj aliformigu ĉi tiun kvazaŭ sanktaĵon. Ĉiu lernolibro ĝin enhavas kaj per ekzemploj ĝin klarigas; nia tuta literaturo el ĝi kreskadis.

La nova jaro estu al ni favora kaj donu bonan rikolton. Estu frukta nia verkistaro por krei tradukojn kaj originalojn. Ni deziras, ke monrimedoj sin trovos por eldonado de bonaj jam pretaj verkoj, ekz. „Senlingvulo" de *Korolenko*, „Kantoj el Hiavata" de *Longfellow* kaj „La religioj de la homoj" de *Trarbach*.

Kiel ni jam sciigis en nia lasta raporto (vidu Germana Esperantisto 11—12 B, 1919) du bonaj, novaj verkoj aperis: „Fraŭlino Suzano" de U. G. de *Avsejenko*, novelo Esperantigita el Rusa lingvo de P. Medem (Ader & Borel, Dresden). Laŭ la volo de l' tradukinto la novelo estas agrabla distraĵo por la leganto; krom tio ĝi estas pruvo de bonega, eleganta stilo.

Tre interesa ankaŭ estas la alia nova verko: „La botistoj" de *Aleksis Kivi*, komedio en kvin aktoj, el la Finna lingvo tradukita de Hilma Hall, Helsingfors, Finnlando. Aleksis Kivi estis la unua Finna poeto, li montris la nekonatan valoron de l' Finna lingvo laŭ romantika kaj realisma vidpunktoj. La traduko estas bona kaj flua, eble kelkaj naciismoj estus evititaj se alinaciano estus povinta legi la manuskripton antaŭ la preso. Pli energie ol iam ni tial rekomendas la esploron de libroj per nia diligenta kolegaro *antaŭ* la presado, por ke jam la unua eldono estu senriproĉa.

*Marie Hankel*,
Nicolaistr. 18/II, *Dresden-A.*

# Lingvaj Studoj

## Ĉu du vortaroj?

Sub tiu titolo „Amerika Esperantisto" publikigis artikolon, el kiu ni eltiras kelkajn citindaĵojn:

„Ĝis nun en niaj oficialaj rondoj regas la ideo, ke la lingvo Esperanto devas konsisti el du tute apartaj vortaroj, nome la komuna kaj la teknika ... La leksikonistoj de Esperanto akcentas, akcentegas kvazaŭ dividlinion inter la vortoj „oficialaj", kiujn ĉiu povus uzadi, kaj la „neologismoj", kiuj devas tute ne aperi en la „literaturo", sed sole nur en eldonaĵoj por fermita rondo da „specialistoj". Ni havas la klasikan repertuaron de Kabe kaj la teknikan enciklopedion de Verax, kaj ĉiu prezentas nur duonon de la lingvo. La Plena Vortaro de Boirac presas la radikojn „komunajn" per grandliteroj, la „teknikajn" per malgrandliteroj. S-ro Grosjean-Maupin tiom timas intermiksiĝon de la „du lingvaĵoj", ke la vortojn „duon-teknikajn", kiujn neinstruito povas pridubi, li sanktomarkas per litero „t", por ke ili superrestu la uzadon de la simpla amaso.

„Estas nia humila opinio, ke tia zorgega distingigo inter du vortospecoj estas ne sole kontraŭnatura, sed eĉ rekta malutilo al la sana disvolvado de nia lingvo kaj la ĝenerala sukceso de ĝia propagando. Unue, tia diferencigo ne havas lokon en la lingvoj naciaj. Ekzistas ja en ili multego da terminoj teknikaj, kiujn oni ne uzas ĝenerale, sed nur la specialistoj ĉe siaj respektivaj fakoj. Sed tiajn esprimojn la popolaj vortaroj ne sole ne proskripcias, sed la leksikonistoj ĉiam por ĉiu nova eldono de siaj verkoj klopodas kolekti la novajn vortojn enuziĝintajn sur iu kampo de la homa vivo. Kaj ĉiuj vortoj staras sur unu nivelo. Se termino montriĝis bona kaj uzinda en fako teknika, ĉiu homo havas la rajton uzi tiun terminon, se en la ĝenerala literaturo li havas okazon tuŝi tiun fakon.

„Cetere, kiu rajtas fiksi la interbaron inter la teknika kaj la komuna? Unuflanke ĉiu eĉ plej neinstruita homo uzas ĉiun tagon aron da esprimoj pri metiaj aŭ nemetiaj okupoj — esprimoj eble tre simplaj kaj ordinaraj, sed efektive teknikaj, ĉar ili diferencas de la esprimoj uzataj de liaj najbaroj. Stratlaboristo ne havas komplikajn taskojn, sed kiam li parolas ĉiam pri „ŝtonoj" kaj „ploĉo" kaj „fosilo", tiuj „komunaj" vortoj, fariĝas sub lia lango la lingvaĵo speciala aŭ teknika. Sed de alia vidpunkto ni konstatas, ke pro la universala vulgarigado de la sciencaj terminoj, kiuj iam apartenis al la okultaj korifeoj, jam fariĝas familiara konataĵo de A kaj B kaj C. Ekzemple, la terminaro de la diplomatio, kiun en aŭtokrataj tempoj kaj lokoj konis, ĉar bezonis, nur la monarĥoj kaj ministroj, en landoj demokrataj estas ĉiutage uzata en la gazetoj kaj perdiskutata en la placoj. La preskaŭ tuta vortaro de la aŭtomobiloj fariĝis komuna propraĵo.

„... Precipe pro la superstiĉo, ke ĉiuj esprimoj, kiujn la „klasikistoj" ne havis okazon uzi, apartenas nepre al „specialistoj" sed ne al la simpla amaso, — dank' al tiu superstiĉo la novaj adeptoj, dezirante skribi aŭ paroli pri la urĝe aktualaj aferoj de la moderna vivo, aŭ ne trovas en siaj vortaroj la terminojn bezonatajn aŭ trovas ilin aparte markitajn kvazaŭ vortoj dubaj. Kion do faras la nova adepto? Li aŭ fabrikados monstrajn, enigmajn kunmetaĵojn, aŭ transliterumas en Esperanton radikojn eble tute ne internaciajn el sia patra lingvo, dum ekzistas, nekonata de li, en la verkoj de la t. n. „teknikistoj" bonega kaj sufiĉe plena kolekto da ĉiaj terminoj de la internaciaj aktualaĵoj!

„... Ni forlasu la teorion, ke Esperanto devas konsisti el du vortaroj, ke nia komuna lingvo" konsistas el poezio kaj beletristikaĵoj, al kiuj sufiĉas la vortaro de Hamleto, dum la aktualajn aferojn povas pritrakti libere nur la ĉefoj en siaj fermitaj rondoj. Nur kombinante la vortarojn de Kabe kaj de Verax ni havas fundamenton de praktika lingvo internacia, unu kaj nedividebla. Ĝuste kiel ĉe niaj naciaj idiomoj la poetoj kaj aferistoj turnas sin al unu sama repertuaro kaj riĉigas siajn verkojn, se bezone, per la esprimoj unu de la alia, tiel egale en Esperanto oni devas ne sanktomarki bonegajn elprovitajn vortojn kiel „teknikajn", sed disponigi ilin al la ĝenerala uzado. Tian laboron devus tuj entrepreni la Lingva Komitato."

## Pri la landnomoj

La jenajn liniojn ni eltiras el artikolo pri tiu temo publikigita en *„Internacia Komerca Revuo"*, sub la subskribo de la redaktanto, D-ro Hj. Unger:

„... Antaŭ ol la revuo „Esperanto" sisteme uzadis la finaĵon „io", jam de longa tempo la cetera Esperanta gazetaro senzorge parolis pri „Aŭstrio-Hungarujo" kaj „Brazilio": kaj neniu protestis. Tiutempe, tamen, ekzistis sufiĉa kaŭzo por „furioziĝi", ĉar tia *kaosa agado* vere ne helpis al facila lernado kaj uzado de la lingvo: ni staris antaŭ efektiva *konfuzo*, pligrandigata per la fakto, ke la sufikso -ujo havas laŭ la tute respektinda (sed ofte tro sankta) Fundamento 3 diversajn taskojn: karakterizi „landon" (Ĉeĥoslovakujo), „arbon"

(pomujo) kaj „objekton, kiu enhavas“ (ankaŭ: pomujo). La Esperantistoj, de si mem, jam forigis la *tri-sencecon* de la sufikso -ujo, ne plu aplikante ĝin por la „arbo“ (pomarbo anstataŭ pomujo). La tri-senceco fariĝis do, sen protesto kaj sen revolucio, du-senceco: ujo restis por la „objekto, servanta por konservi la objektojn, esprimitajn de la radiko“ kaj por la „lando“.

„Tamen ni konstatas, ke la landa -ujo malrapide malaperas: kelkaj gazetoj jam de jaroj diras „Franclando“ kaj „Hispanlando“ anstataŭ „Francujo“ kaj „Hispanujo“; apude „Aŭstrio“ kaj „Brazilio“ bone enradikiĝis. La *tendenco*, tre bone rimarkebla, *celas do al plena anstataŭigo de la landa sufikso -ujo*, por ke tiu sufikso ricevu la necesan kaj saĝe postulatan *unu-sencecon!* Do, ni povas diri, ke la sistema aplikado de *-io* efektive kreis tiun celatan klarecon kaj absolute necesan *precizigon* de la lingvo! Tion ni libere konfesu, sen polemiko kaj fanatikeco.

„... De „arbitra ŝanĝo“ de la Fundamento oni rajtus paroli nur, se iu ajn vorto aŭ gramatika parteto, troviĝanta en la Fundamento, estus tute forigata aŭ ŝanĝata. La enkonduko de -io, kontraŭe, nek atakas, nek forigas la sufikson -ujo, kiun ĝi plene lasas por la objektoj, sole forigante la *eraran* tri- aŭ du-sencecon de tiu sufikso: por la bono de la lingvo, kiun ĝi, tiel, *utile precizigas* kaj igas pli fleksebla kaj pli *praktika*.“

# REKLAMO

## KORESPONDADO

*TARIFO.* Unu enskribo (la adreso kaj ne pli ol 5 vortoj): Fr. 0.75. — Por ĉiu plua linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. — Rabato da 10 % por 3 enpresoj kaj 25 % por 12 enpresoj.

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarko sur bildflanko.* k. ĉ. l. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.*

### Aŭstrio

**Wien.** — S-ro Vac av Stary, XV, Turnergasse 25/15, L, PI, PM, k. ĉ. l. (salutas siajn malnovajn korespondantojn kaj denove koresp. kun ili pri ĉiuj nuntempaĵoj).

### Belgio

**Bruxelles.** — F-ino Jennen, 39, rue d'Albanie, PI, L (pri ĉiuj temoj).

### Britio

**Burnley.** — La Esperantista Societo, Victoria Chambers, Hargreaves Street, aranĝas je fino de marto leter- kaj poŝtkartvesperon, L kaj PI estas atendataj el ĉiuj landoj. Al ĉiuj oni respondas.

**Hastings.** — S-ro J. J. Boutwood, Holland House, petas alsendon de L kaj PK al la Esp. Grupo por legado ĉe speciala kunveno lastan mardon en februaro 1920. Al ĉiu sendinto oni respondos.

**London N. W. 1.** — S-ro Ernest J. Watson, 6, Balcombe Street, Dorset Square, L, PI (pri sociologio, reformaj movadoj, vivkutimoj, k. ĉ. l.; ankaŭ kun poŝtoficistoj pri la poŝtoficejoj en ĉiuj landoj).

**Wallsend-on-Tyne.** — S-ro J. H. Murray, 13, Beech Grove, L, PI, bfl, k. ĉ. l.

### Ĉeĥoslovakio

**Brno.** — S-ro Jan Šembera, Francouzská 72, instruisto de desegno, PI (arte), L (pri artista edukado, pri kreajaj esprimoj de la infanoj, precipe desegnajoj, modelaĵoj, manlaboraĵoj, ludiloj, marioneta teatro, stilaj laboroj, muzika edukado).

**Brno.** — S-ro Fernando Medek, 6, Česka, ul., PI, L, PM, bfl, k. ĉ. l.

**Hradec-Kralóvé.** — S-ro Jan Jelinek, studento, Husova nam. 511, L, PI, bfl.

**Kukleny 221.** — S-ro Oldrich Smetana, PI, PM, bfl.

**Mladá-Boleslav II-182.** — S-ro Jaroslav Neumann, PM (kun ĉiuj eksterlandaj filatelistoj).

**Opava.** — S-ro Alois Zednik, oficisto de la Bohema Industria Banko, PI, bfl, k. ĉ. l. (petas komercajn rilatojn).

**Praha.** — F-ino Nina Silbersteckenová, instruistino, Táborská 54, salutas siajn antaŭmilitajn korespondantojn kaj interŝanĝas denove L, PI, k. ĉ. l.

### Estonio

**Palde.** — S-ro Eduard Valdmann, Mäo Koolimaja, PI, bfl.

**Voldi.** — S-ino Ida Tamm, poŝtejo, PI, bfl.

### Finnlando

**Heinola.** — S-ro Gustav A. Backman, PM.

**Terijoki.** — S-ro Tarmo Sutinen, PM (interŝanĝo de Finnaj, Rusaj kaj Estoniaj kun PM-kolektantoj alilandaj).

**Viipuri.** — S-ro Kustaa Leino, Pohjoisvallikatu 19 as 2, L, PI, bfl, PM.

**Viipuri.** — S-ro Hugo Grönlund, Hamınankatu 2 as 2, L, PI, bfl.

**Viipuri.** — S-ro Onni Kortelainen, Uudenportinkatu 7 as 16, L, PI, bfl, PM.

**Viipuri.** — S-ro W. Sirenius, Tallikaia, Linjakatu 33, L, PI, bfl, PM.

**Viipuri.** — S-ro Hugo Solta, Kaojalan, Esikaupunki, Wapauskatu 11, PI, bfl.

**Viipuri.** — S-ro Aarne Ainasoja, Teatterikatu 4, L, PI, bfl.

**Viipuri.** — S-ro Outo Sarpio, Likolampi Siimeskatu 1, PI, PM, bfl.

**Viipuri.** — S-ro Viiho Salonen, Keikkala Kaivokatu 6, L, PI.

### Francio

**Boulogne-sur-Mer.** — S-ro Barthélémy, 70, rue de Calais, PM, bonstataj 100—1000 ĉiufoje. Rekomendi sendajon.

**Paris.** — S-ro J. Lauras, inĝeniero, 15, rue Littré (VI), PK, PI (pri ĉiuj temoj), L (pri elektraj industrioj).

**St-Omer.** — S-ro A. Martel, rue de Thérouanne (Abattoirs), L, PK, PI, bfl.

### Germanio

**Augsburg.** — S-ro Karl Streckfuss, Del. de UEA, Stadtjägerstrasse 22 (pri propagando de Esp., aliaj serioz. temoj, interŝanĝo de artaj kaj tipaj PK kun eksterlandanoj).

**Dresden.** — S-ino Margarete Nicolai, Franklinstr. 6, Eg., PI, k. ĉ. l. (pri tipaj regionaj vidindaĵoj), PM, bfl.

**Dresden.** — S-ro Johannes Edmund Nicolai, Franklinstr. 6, Eg., PI, L, PM, k. ĉ. l., (pri Esp. movado, ankaŭ pri ĉiu alia temo; fotografaĵoj de Esp-istoj aŭ Esp. grupoj, kiujn mi kolektas).

**Düsseldorf 106.** — S-ro Joseph Pfaffenholz, Rethelstr. 169, PI, bfl.

**Flensburg.** — Babilad-rondeto arangos leter- kaj poŝtkartvesperon la 1 marto 1920. Ni respondos al ĉiuj. Adreso: F-ino Oesterreich, Grosse Str. 22/III.

**Görlitz.** — S-ro Alfred Scholz, Breitestr. 3, nur L (kun lertaj Esperantistoj pri politiko, filozofio kaj socia vivo).

**Hamburg.** — Esperanto Societo, Pilsner Hof, Gänsemarkt, aranĝas letervesperon. Oni petas sendi L kaj PK ĝis 29 februaro 1920.

**Menzelen West** (Rheinland). — S-ro Herm. Wolfertz, instruisto, PI, PM kaj gazetoj.

**Neufahrwasser** (Liberŝtato Danzig). — S-ro Aloys Doppke, Bergstrasse 1d a, PI, PM, k. ĉ. l.

**Oppeln.** — Fratoj Fethke (Supersileziaj Poloj), Ring 11, PI, L (pri ĉiuj temoj).

**Potsdam.** — S-ro O. Wehnert, Burgstr. 56/I, PI, L (pri okultismo kaj teozofio).

**Reutlingen** (Württemberg). — S-ro O. Welzel, Krämerstr. 31, PM.

**Weinböhla.** — S-ro Arthur Sohrmann, instruisto, Kronprinzenstr. 5, PI, L (kun eksterlandaj sam-anoj).

**Wilhelmshaven.** — S-ro B. Eden, Kielerstr. 28, L, PM, PI.

### Hispanio *

**Huesca.** — F-ino Maria Luisa G. Caamano, instruistino (kun alilandaj geinstruistoj pri lernejaj proceduroj).

**Jerez de la Frontera.** — S-ro Pedro Naranjo, 31, Sevilla, PI, PM.

**Jerez de la Frontera.** — S-ro Augusto Duran, 14, Sol, PI.

**Jerez de la Frontera.** — S-ro Antonio Ceballos, 6, Cruz, PI, PM.

**Jerez de la Frontera.** — S-ro Pedro Naranjo Martiner, 10, Avila, PI, PM.

### Hungario

**Budapest.** — S-ro Jozefo de Mateffy, Fehervari u. 9, L, PI, bfl.

**Budapest.** — S-ro Eugen Missura, Hunyady ter. 8, III. VI, L, PI, PM.

### Italio

**Pisa.** — S-ro Luigi Mantelassi, 12, via Ciusica dei Sismondi, PI, L (kun studentoj).

**Pisa.** — S-ro Moschini Cesare, 29, viale Bonaini, PI, PM, k. ĉ. l.

### Jugoslavio

**Doboj** (Bosnio). — S-ro D. Vojković, apotekisto, PI, L, PM, k. ĉ. l.

### Nederlando

**Blerick.** — S-ro H. Janssen, militista tajloro, II. Reg., II. bat. Infanterie, L, PI, k. ĉ. l.

**'s-Gravenhage.** — S-ro E. R. Postma, Kritzingerstraat 43, PI, bfl.

**Hengelo.** — S-ro G. van Heek, Steynstraat 72 (prefere L aŭ PK pri la temo kun spertaj Esp-isnoj ĉiulandaj, precipe lernantinoj de altrangaj lernejoj, aŭ vizitintinoj de nomitaj lernejoj).

**'s-Hertogenbosch.** — S-ro Jozef op ten Berg, orforĝisto, Muntelstraat 22, L, PI, bfl, k. ĉ. l.

**Rotterdam.** — S-ro L. Vrooman, Lambertusstraat 124 a, PI (kun ĉiulandaj fraŭlinoj).

**Wormerveer.** — S-ro P. Vermeulen, Wandelweg, PM, k. ĉ. l.

### Norvegio

**Kristiania.** — S-ro Rolf E. Bugge Paulsen, supera leŭtenanto, Villa „Espero“, Sörkedalsvei 73, nur PI, bfl, k. ĉ. l.

### Rusio

**Stavropol.** — S-ro Profesoro N. Agronomof, PM kaj papermono de novefonditaj ŝtatoj en iama Rusa imperio.

### Svedio

**Borgstena.** — S-ro Albet Linden, PI, k. ĉ. l.

**Falun.** — Esperantista Klubo aranĝas letervesperon. Sendu PK kaj L al: S-ro Gustav Johansson, Slussen 10.

**Sandviken.** — S-ro J. H. Zetterström, V. Villastr. 46, L, PI, bfl, PM.

### Svisio

**St. Gallen.** — S-ro Walter Kutzli (12-jara), Rosenheimstr. 5, L, PI (kun samaĝuloj).

## Nord-Ameriko

**Logan R. F. D. 1.** (Utah, U. S. A.). — S-ro Leo D. Roueché, farmestro, PK, PI, L (kun radikalaj socialdemokratoj en ĉiuj landoj).

**Metuchen** (N. J., U. S. A.). — S-ro A. S. Arnold, Box 36, PM, k. ĉ. l. Havas 9000 diversajn por interŝanĝo. Tuj respondos.

**Montreal** (Kanado). — S-ro T. A. Allan, c/o The Signal Engineer, Grand Trunk Ry, interŝanĝas dumovajn ŝakproblemojn kun ĉiuj, ankaŭ PI kaj L. Li esperas, ke multaj mez-Eŭropanoj skribos.

**Toronto** (Kanado). — S-ro E. M. Gundy, 173, Spadina Road, L (pri literaturo kaj la Esp. movado kun lertaj sam-anoj el Polio, Grekio, Arabio, Persio, Ĉinio, Japanio kaj la Hindaj landoj).

**Toronto** (Kanado). — S-ro E. M. Gundy, 173, Spadina Road, L, k. ĉ. l. (prefere kun junuloj).

**Wahkon** (U. S. A., Minn.). — S-ro Pierre Parish, Consolidated School, PI, L, PM (kun eksterlanduloj pri ilia respektiva lando).

**Wingham** (Kanado). — S-ro J. A. Morton, PM, k. ĉ. l.

## Sud-Ameriko

**Santa Fé** (Argentino). — S-ro Carmelo Liguori, Belgrano 201, Norte, L, PK, bfl, PM, k. ĉ. l. (pri ĉiuj temoj escepte pri teknikaj kaj sciencaj, precipe pri sociaj aferoj).

**Talleres F. C. S.-Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro Domingo Mondini, 6164, Centenario, PI, bfl, PM.

## Aŭstralazio

**Melbourne.** — Membroj de la Paca Societo dez. koresp. pri pacifistaj aferoj kun personoj en la tuta mondo (Esp., Angle, France, Germane). S-ro J. G. Pyke, 10, Lennox street Hawthorn (Aŭstralio).

**Ophir, Otago** (Nov-Zelando). — S-ro E. Webber, L, PI (ĝojos ricevi novajojn de siaj antaŭmilitaj korespondantoj kaj sciigojn pri personaj travivaĵoj dum la milito).

## Azio

**Bassein** (Burma). — Rev. W. Cronkhite, baptista misiisto el Usono, Box 10, PI, L (kun siaj antaŭmilitaj korespondantoj k. a. inkluzive gejunuloj kaj infanoj de ĉiuj landoj).

**Pervaja Rječka apud Vladivostok** (Siberio). — S-ro Deziderio Balog, eksoficiro, militkaptito Camp of War prisoners, PI, L (Esp. gazetoj kaj legaĵoj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

**Tarifo:** Unu linio ( 10 vortoj) Fr. 0.50. Rabato da 10 % por 3 enpresoj kaj 25 % por 12 enpresoj. **Antaŭa pago.**

**Anoncoj.** — Mi korespondas L kaj PK pri komercaferoj precipe pri la efiko de anoncosistemoj por podetalaj komercoj. Juan Anguita Galan, Jaen, Hispanio.

**Bela Mondo**, plena jarkolekto en du bele binditaj volumoj, prezo 50 M. Havebla ĉe S-ino Hankel, Dresden, Nicolaistr. 18.

**Birdoj.** — S-ro Arthur Scott, Sparrow Herne, Ashmore Green, Newbury, Angl., deziras aĉeti vivantajn albinosajn birdojn (blankajn kun okuloj rozruĝaj), kanabenojn, kardelojn k. s. Li deziras scii adresojn de la plej gravaj Eŭropaj birdvendistoj en Paris, Hamburg, k. t. p., ankaŭ nomojn de Eŭropaj gazetoj birdistaj.

**Chrisnuco.** — Kolonio Paragvajo. Internacia kolonio por ambaŭ seksuloj baldaŭ fondiĝos. Ties principoj estos la Kristanismo, vegetarismo kaj nudeco. Por viroj la enirkotizajo estos 10 funtoj Angl., kaj ĉiuj devos pagi sian veturelspezon. Ĉiuj interesatoj petu plenajn detalojn ĉe S-ro Al. Alcock, 166, Sydenham Road, Sydenham, London S. E. 26 (Anglujo).

**Esperantaĵoj.** — La „Brita Literatura kaj Debata Societo", eldonantoj de „Literaturo", deziras ricevi interŝanĝe por tiu gazeto librojn, gazetojn kaj aliajn Esp-aĵojn. Oni sendu al la Hon. Sekretario, Charles H. Edmonds, 254, Wightman Road, London N. 8.

**Esperantaĵojn** dankeme ricevas F-ino Jennen, 39, rue d'Albanie, St-Gilles-Bruxelles (Belgio).

**Esperantistoj atentu.** — Mi bezonas sekvantajn numerojn de la gazeto „Esperanto", organo de UEA: 1914: 1, 2, 3, 4. 1916: 9/10. 1917: 2, 6, 7, 8, 9, 10, 11, 12, aŭ la plenajn jarkolektojn. Mi pagos per mono aŭ sendos ĉion ajn. S-ro O. Sklenčka, Del. de UEA en Hradec Kralóvé (Ĉeĥoslovakio).

**Filatelistoj.** — Ĉiu persono, kiu sendos al mi per rekomendita letero 50 aŭ pli malsamajn PM de sia lando, ricevos egalvalore malsamajn PM de Kanado kaj Usono. S-ro David Longheed, Wingham, Ontario, Canada.

**Filatelistoj.** — Karel Straka, Praha-Strasnice (Ĉeĥoslovakio), vendas Ĉeĥoslovakajn PM kaj glumarkojn. Interŝanĝas ankaŭ PI kun PM bfl kaj Esp. gazetoj.

**Industrio pri botoj kaj ŝuoj.** — La Brita Literatura kaj Debata Societo preparas Anglan-Esperantan vortaron por tiu ĉi industrio kaj petas la helpon de spertaj Esperantistoj tiumetiaj en la sekvantaj landoj: Francujo, Germanujo, Hispanujo, Italujo. Laŭ peto la Societo sendos la jam faritajn slipojn de provvortoj en kvin lingvoj por kritikoj kaj proponoj. Skribu al Sekretario por Teknikaj Vortaroj, B. L. & D. S., S-ro E. E. Yelland, 48, Middleton Road, Dalston, London E. 8, Anglujo.

**Kantista Societo de Moraviaj Instruistoj** petas muzikajn verkistojn de la tuta mondo kaj ĉiujn, kiuj povus tion aranĝi, por sendo de viraj ĥoraj komponajoj modernaj de ĉiuj nacioj. Sendi al S-ro Jan Šembera, membro de la K. S. M. J., Brno, Francouzská 72, Ĉeĥoslovakio. Elspezoj estos pagataj, aŭ la Societo sendos Ĉeĥajn muzikajn verkojn laŭ la deziro.

**Komunista Socialismo.** — La sekretario de la Metropolitan Esperanto Club, 2633, Creston Avenue, New York City, deziras ricevi leterojn de kapablaj kaj energiaj kamaradoj, kiuj volus kunlabori pri fondo kaj sukcesigo de tutmonda komunista federacio. Ĉiuj socialistoj kaj radikaluloj estas urĝe petataj skribi tuj.

**Kooperativistoj.** — La sekr. de la Kooperativa Esp. Ligo dankas ĉiujn, kiuj sendis Rusajn koop. presajojn. Pro cenzuro aŭ blokado nenio alvenis. Ĉiulandaj koop-istoj skribu al S-ro A. H. Holt, 31, Old St., Newchurch, Manchester, Anglio.

**Korespondantoj kaj filatelistoj** en ĉiuj landoj pri aferoj politikaj, ekonomiaj kaj kulturaj, pri socialismo kaj komunismo. Interŝanĝas PK, PM, Esp. gazetojn. Kune mi petas ĉiujn miajn antaŭmilitajn Esp. amikojn baldaŭ skribi al mi. Antaŭ la milito mi estis en Benešov-Praha kaj poste Wien. Mi respondas ĉiam kaj tuj. Vaclav Stary, redaktoro, Wien, XV. Turnergasse 25/15.

**Literaturo.** — La redakcio de la Esperanta literatura gazeto „Literaturo" sendos specimenan ekzempleron de la gazeto post ricevo de respondkupono. Adresu al: la Redakcio de „Literaturo", 254, Wightman Road, London N. 8, Anglujo.

**Manifesto de Nederlandaj kontraŭmilitaristoj.** — Havebla kontraŭ respondkupono ĉe G. P. de Bruin, Alleeweg 9, Enschede (Nederlando).

**Ombreloj** (Fabrikado de). — La Brita Literatura kaj Debata Societo preparas Anglan-Esperantan vortaron por tiu ĉi industrio kaj petas la helpon de spertaj Esperantistoj tiumetiaj en la sekvantaj landoj: Francujo, Germanujo, Hispanujo, Italujo. Laŭ peto la Societo sendos la jam faritajn slipojn de provvortoj por kritikoj kaj proponoj. Skribu al Sekretario por Teknikaj Vortaroj, B. L. & D. S., S-ro E. E. Yelland, 48, Middleton Road, Dalston, London E. 8, Anglujo.

**Poŝtmarkoj.** — S-ino Prost, 23, place Mairie, Villeurbanne (Francio, Rhône), sendos 50 malsamajn PM de Francio al tiu, kiu sendas 50 malsamajn de sia lando per rekomendata letero. Certa respondo rapida.

**Poŝtmarko-kolektantoj.** — Mi sendas laŭ valoro Yvert Tellier 1920, malsamajn PM de Lombardo-Veneto ŝanĝe de malsamaj PM de via lando. Preferataj militaj PM. Sendu rekomendite. Giovanni Saggiori, Via S. Eufemia 4 A., Padova (Italio).

**Saarland.** — S-ro August Omlor, reveninte el la militkaptiteco kaj internigo, informas, ke li reprenas sian laboron kiel Del. de St. Ingbert en la Saar-teritorio; li ĝojas ricevi ofte petojn pri servoj kaj informoj.

**Societo de la Nacioj.** — S-ro L. Poncet, Del. de UEA, Esperanto-Oficejo, 36, rue Victor Hugo, Lyon, deziras rilati kun anoj de la Franca Asocio por la Societo de la Nacioj kaj kun anoj de similaj alinaciaj asocioj, por enkonduki Esperanton.

**Stereoskopajn surkristalajn fotografaĵojn**, 45—107 mm, mi interŝanĝas. Por tio mi preĝigis tre artan aron da Hispanaj vidindaĵoj. Eduardo Arroyo, Jaen, Hispanio.

**T. C. F.** — S-ro L. Poncet, Del. de UEA, 36, rue Victor Hugo, Esperanto-Oficejo, Lyon, deziras rilati kun anoj de la Touring Club de France por krei Esperantistan grupon de T. C. F. kaj kun anoj de alinaciaj Turing-kluboj por iniciatigi samajn klopodojn.

**Verkistoj-tradukistoj!** — La Redakcio de la Esp. gazeto „Literaturo" deziras ricevi Esperantajn manuskriptojn por ebla utiligo en la gazeto. Oni sendu rakontojn, artikolojn kaj poemojn, originalajn aŭ tradukitajn, prefere mallongajn. Al sendintoj de manuskriptoj uzataj oni sendos la gazeton dum unu jaro. Adresu al: „Redakcio „Literaturo", 254, Wightman Road, London N. 8, Anglujo.

## INTERNACIA KOMERCO

**Tarifo:** Unu linio ( 10 vortoj) Fr. 0.50. Rabato da 10 % por 3 enpresoj kaj 25 % por 12 enpresoj.

**Eksporto.** — Silkaj rubandoj, trikitaj subvestoj por virinoj. — Kiu povas rekomendi taŭgajn fabrikantojn kapablajn liveri la suprajn artikolojn grandkvante por Anglujo, skribu al: J. D. Applebaum, 11, Mayville Road, Mossley Hill, Liverpool.

**Fibro.** — Mi deziras koniĝi kun fabrikantoj de fibro en folioj por la fabrikado de valizoj kaj kofroj. Skribu al: S-ro C. Roncati, Del. de UEA, 23, rue de Lépante, Nice (Francio).

**Insignoj.** — Stelo kvinpinta surskribo „Esperanto" orlitere, nur pingloj kaj broĉoj. Sendo afranke post ricevo de 5 respondkuponoj stampitaj. Mendo de 10 ekz. aŭ pli: 20 % rabato. Livereblaj ankaŭ grandkvante. F. Pakker, Reederijstr. 1. B., Rotterdam, Nederlando.

**Komerco.** — S-ro Barthélémy, 70, rue de Calais, Boulogne-sur-Mer. Importo, eksporto. Komerca reprezentanto, ĉiuspecaj artikoloj. Petas agentejon.

**Perado.** — Eksporton-Importon de specialaj artikoloj peras en neŭtralaj landoj inter grandaj kaj fidindaj firmoj. S-ro O. Haller, Del. de UEA, Rorschach (Svisio).

**Reprezentado.** — Anglo kun kvinjara sperto de Nederlando kaj Nederlandanoj deziras esti nomata kiel reprezentanto por Nederlando, de la granda industrio Angla aŭ Amerika, je salajro- kaj procentajo-bazo. Adreso: „Komerco" ĉe F-ino H. Beukema, Del. de UEA, Heerestraat 12 a, Groningen (Nederlando).

**Sperta filatelisto** rekomendas sin por favora havigo de poŝtmarkoj ĉiuspecaj. S-ro Kurt Speiss, Rathenowerstr. 52, Berlin N. W. 5 (Germanio).

**Vestaĵoj.** — Por pristudi la industrion de vestaĵoj por viroj, Esp-istoj de tuta mondo estas petataj sendi specimenojn de drapaj gravuraĵoj, de modeloj, pograndajn kaj podetalajn vendprezojn kaj, se eble, detalojn pri organizo de fabrikejoj de vestaĵoj al Antonin Paillet, 161, Avenue Félix Faure, Lyon, kiu resendas memorajon al ĉiuj korespondantoj.

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERN